# *Enhavo*



## Vi trovos

raportojn el dek kvin punktoj de la terglobo, kie membroj de nia senŝtata, senlanda, sed tutmonda komunumo solenis en multaj manieroj la Zamenhofan memortagon (p. 30-31). Kaunas prifestis ankaŭ la plinombriĝon de la ambasadoj de Esperantujo: en la litovia urbo oni malfermis, la 11-an de decembro, Esperanto-domon (p. 24-25). Ni deziras ke tiu reprezentejo longe kundiplomatu por "pli forte kaj pli rekte engaĝi la ceteran mondon je la nomo de tiuj idealoj kiujn ni kredas gravaj".

Ĉi lastajn vortojn eldiris Humphrey Tonkin, jam antaŭ duona jaro: tamen, ankaŭ post duona jardeko gravos lia analizo pri la stato de la mondo kaj pri la situacio de Esperanto en ĝi (p. 22-23). Ĉu tiam oni pli bone aŭdos la Esperantan mesaĝon en Sud-Afriko, kie nun akutas la bezono, sed ne la postulo, interkompreniĝi? Harro von Blottnitz laboras por tio (p. 26-27).

*La kovrilo*: Povilas Jegorovas (maldekstre) kaj Louis C. Zaleski-Zamenhof (meze) levas ĉampanglason kun samfestanino je la nova E-domo.


**esperanto**
Oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio
(en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

**Aperas** monate (escepte de aŭgusto).

**Fondita** en 1905 de M. P. Berthelot (1882-1910). **Establita** kiel organo de UEA en 1908 de Hector Hodler (1887-1920). **Legata** en 115 landoj. **Voĉlegata** por blinduloj.

**Redaktoro:** István Ertl.

**Abonprezo:** varias laŭlande (gld. 58,30; US$ 32; GM 51; enoj 4320; ktp); petu informojn ĉe via landa asocio aŭ de la ĉi-suba adreso. Unuopa ekzemplero kostas 5,00 guldenojn.

**Anonctarifo** (gld.): 1 p. 1900, 1/2 p. 1050, 1/4 p. 575, 1/8 p. 310, 1/16 p. 175. Movada rabato 50%. Ekstera-kovrilaj anoncoj kostas duoble. Rabato por tuja ripeto 20%.

**Adreso de la Centra Oficejo de UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

**Telefono:** (010) 436 10 44; 436 15 39.
**Telefakso:** (010) 436 17 51.
**Telegramoj:** ESPERANTO ROTTERDAM.
**Banko:** Bank MeesPierson, Postbus 749, 3000 AS Rotterdam (konto n-ro 25.52.89.804). Nederlanda poŝta ĝirkonto: 37 89 64 (ĝiroficejo Den Haag).
**Ĝenerala Direktoro:** Simo Milojević.
**Direktoro de la CO:** Osmo Buller.

*Kongresa temo:*

# Azio en la mondo

**Probal Daŝgupto, kunordiganto de nia Seula temo, enkondukas tiun demande-esee, en sia pensfaden-plektista maniero, invite al plurfoja relego.**

Ni taskis al ni ĉi-jare pensi kongrese pri la aziana vivo. Temas, kiel kutime, pri peresperanta laboro, pri denova provo demonstri ke la necesan kunmeton de faktoj kaj ideoj oni kapablas vere demokratie kaj egalece fari nur en la sendiskriminacia rondo de la interŝnacilingva kulturo.

Tamen, tiu demonstro estu pli ol manifestado. Ni respondas al specifa demando, kiu formuliĝas nur en Esperanto, nome: Kia estas la hodiaŭa azianado *en niaj aziaj hejmoj*? Notu ke se oni internacie konferencus en la angla pri la sperto de azianeco en la hodiaŭa mondo, tiam la demando stariĝus en tia formo ke havus gvidan voĉon la azianoj *enmigrintaj* en okcidentajn sociojn kaj de tie difinantaj la specifecon de aziaj realoj. Sed la interpopola Esperanto invitas nin pensi pri la diversaj azianecoj el niaj *hejmaj* vidpunktoj. Ni rimarku ke la vasta ne-Esperanta mondo komisias al ni ĉiuj la taskon bildaĵi el verda vidpunkto la modernan aziecon.

## Nia aparta kapablo

Ni havas la apartan kompetenton bildaĵi. Ni ne kapitulacu al la ideo ke estus nia tasko koncepti. Certe ni rajtas iom gustumi la konceptadon. Ni ja faru al ni grafikaĵojn el ciferoj el multe da landoj, same kiel faras la kutimaj ekonomike gvidataj spektakloj en nacilingvaj rondoj. Sed estus danĝere se ni nin tute fordonus al tiu vojaĝo, provante superciferi la anglajn aŭ japanajn ciferistojn, volante atingi ian komputilan *konccepton* de moderna Azio. Pli optimume la esperantistoj povas uzi siajn kapablojn se ni celas kune desegni validan *bildaĵon* surbaze de ekzemploj kiujn ni firme konas, kaj konsentas kolektive reekzameni ĉi-jare.

Sufiĉas enfokusigi la ekzemplon de Japanio, kies esperantistoj havas la plej multjaran tradicion de sinesprimado. Kia do estas nia japana voĉo? La esperantistaro ĝenerale komisiis al siaj japanoj la taskon konkrete vidi sin kiel sialande loĝantajn, memstare vivantajn mondanojn, kaj esprimi tiun vidaĵon (bildaĵi ĝin) en sendiskriminacia mondolingvo, spegulante la japanan version de la realo. La japana esperantumado aspektas heterogene. Nia japana voĉo disduas, sonante jen japanege jen "modernege" ("mondanege"), kaj povas esti la kulpo de ni ceteraj ke ni ne kapablas aŭdi ĝin kiel kunvoĉadon.

Ĉu eble ĝenas nin la senproblema akcepto ĉe la japanoj, eĉ ĉe niaj japanoj, de la hierarkieco? Ĉu eble ni alilokaj esperantistoj nesufiĉe konscie apogas la japanan junularon en ties lukto kontraŭ la tradicia celebrado de la hierarkioj kaj de artisme pravigataj diskriminacioj? Ĉu la eljapanigitaj esperantaĵoj rolas ekzotikule sur niaj bretoj kaj ne eniras niajn proprajn strebojn, malgraŭ la multjara, pacienca, persista klopodo de niaj japanoj venki tiun nian diskriminaciemon? Ĉu pro io tia ni konsentas malklere neŭtrali pri la luktoj inter japanegaj kaj modernegaj fortoj en la Esperanta Japanio?

Multaj tiaj demandoj sonas kaj resonas ĉe la temo "Japanio en la Esperanta mondo", kiu mikrokosme reprezentas por ni la pli vastan temon kiun ni donis al ni por Seulo. La demandoj tuŝas nin ĉiujn, ĉar "Azio" nomas unu el niaj klavoj de sinĝeno, de persista maltrafado. Ĉu la plivastiĝo de la azia Esperantujo en la lastaj jardekoj eksolvas la problemon Japanio, liberigante ĝin de la devo solece reprezenti la ĝeneralan neeŭropan voĉon? Aŭ ĉu ĉi tiu multlandiĝo simple distribuas la problemon tra tuta aro de novaj Japanioj kaj eĉ pli malfaciligas ĝian solvon?

Kompreneble, ni alparolas ĉi tiajn demandojn ne nur per la cerba metodo de intelekta rezonado en Esperanto. Ni traktas la samajn demandojn kiam ekzemple ni pensas kiaj edukmetodoj taŭgas por varbi kaj kunteni la aziajn esperantistojn. Estis komuna eŭropa kultura bazo kiu ebligis la funkciadon de la Cseh-metodo. Kiaj malĉeaj metodoj pli taŭgas en difinitaj aziaj landoj? La premisoj de la eŭropa demokratio kaj de la klerismo principis la kutimajn Esperanto-klubojn. Ĉu tiuj kongruas kun la diversaj solidarecoj kiuj kuntenas diversajn aziajn landojn? La apliko de naivaj metodoj el Eŭropo povas mallongperspektive doni spektaklajn varbosukcesojn en difinitaj aziaj landoj, limigante sin al la Eŭropen turnitaj sektoroj de tiuj socioj. Ĉu ĝojante pri tiuj venkoj ni eble aliancigas kun ekstertemaj gettoj inter la elitoj de hierarkiaj socioj kaj do garantias longperspektivan stagnadon por Esperanto en Azio?

## Azioj en pluralo

Aŭ ĉu eble ni pensu pri diversaj aziecoj, kiujn nur la imperia rigardo de Eŭropo senpripense unuecigas? Irano certe ne estas Ĉinio. Ĉu tamen restas tio komuna ke la aziaj kulturoj, diference de iuj aliaj triamondaj kulturoj, havas memfidon pri longaj historiaj tradicioj, kaj la senton ke tiun aplombon vundis la okcidenta imperiismo? Ĉu de tia sento ofte naskiĝas ia deziro atingi definitivan venĝon surbaze de reiro al naciaj tradicioj? Kiel ni en Esperanto, lingvo monda kiu ne volas diskriminacii, stiru nin inter la tento konsenti kun ĉiuj lokaj naciismoj de tiu tipo (kaj eble helpi lokajn maljunularojn kontraŭ lokaj junularoj) kaj la kontraŭa risko daŭrigi la fruan esperantisman naivon pri la universaleco de eŭropaj konceptoj (kaj eble helpi sufoki la specifecon de lokaj pensaroj)?

Sendube Afriko kaj Latin-Ameriko levas demandojn similajn, sed ĉe Latin-Ameriko la ambigua rilato kun Eŭropo konfuzas niajn pensojn, kaj ĉe Afriko la relative lastatempa renaskiĝo de la civilizacia aplombo donas al la problemo apartan formon. Nur Azio ludas la rolon de kredebla mal-Eŭropo kun sufiĉe da longperspektiva memfido por trafe pridemandi kaj tuj devigi respondojn.

Tiaj pensoj, trafe-maltrafe, povas okupi nin, dum ni fosas la sulkojn de 1994, en kaj ekster Azio.

**Probal Daŝgupto (Bharato)**

*Strategio:*

# Ĉu nur kultivi nian ĝardenon?

## La estonteco de la Esperanto-movado

*La ĉi-suba teksto estas mallongigita kaj iom adaptita varianto de la parolado kiun Humphrey Tonkin faris la 17-an de julio 1993, ĉe la Universitato de Hartford, dum la kongreso de Esperanto-Ligo por Norda Ameriko.*

Ju pli aferoj ŝanĝiĝas, des pli ili restas samaj. La mondo al kiu la kreinto de Esperanto rigardis en la fino de la deknaŭa jarcento similas en multaj detaloj la mondon kiun ni rigardas hodiaŭ. La granda ideologia batalo kiu nin okupis tra pli ol duonjarcento kaj kiu fendis la mondon — laŭ ies interpreto — inter iu Okcidento kaj iu Oriento, ne estis la evolua posteulo de la iamaj etnaj dividoj inter la homoj, sed ties maskanto. Ne temis pri tio ke, konstatinte ke eblas vivi en relativa etna harmonio, la landoj de Meza kaj Orienta Eŭropo elektus eksperimenti pri iu nova monda ordo, en kiu ili flankenlasus sian individuan liberecon en la nomo de iu kimera nocio de kolektiva bonfarto. Ne temis pri tio ke dum tiu periodo de diktaturo la homoj lernus respekti unu la alian. Male, la diktaturo bridis portempe la aliajn kaŭzojn de malakordo inter la homoj, kaj tiuj malakordoj — precipe etnaj kaj religiaj —, kune kun la reveno de relativa individua libereco, ekflamis denove.

Ni supozis ke, detruinte en la dua mondmilito la plej gravan etnan minacon — hitlerismon —, kaj nun detruinte ideologian konflikton, ni finfine pretas por kreo de pli libera, pli deca mondo. Ni kredis ke ambaŭ konfliktoj neniam revenos, ĉar la ideologian konflikton ni konsideris heredinto de la malaperintaj etnaj konfliktoj. Ni supozis ke necesos nur apliki la lecionojn de okcidenta kapitalismo por plibonigi la sorton de ĉiuj.

Sed la vero estas ke, malgraŭ la grandaj sukcesoj de la okcidenta mondo, malgraŭ tio ke la okcidenta sistemo brile dresas kaj direktas la ŝajne naturajn homajn aspirojn, malgraŭ tio ke kreskigo de la ekonomio plej bone funkcias en medio kie la homoj estas relative liberaj ludantoj — malgraŭ ĉio ĉi ni konstatu ke kun tiuj demokrataj kaj kapitalistaj rajtoj venas respondecoj kiujn ni jam de epokoj pli kaj pli forgesas. Pro tiu nia neglekto la "leciono" kiun ni donas, konsistas ne nur el la bonoj de la libera merkato, sed ankaŭ el la malbonoj de perforto, de priŝtelo, de egoismo, de ekskludemo, kaj de ia miismo kaj niismo, kiu denove dividas la mondon laŭ iu freneza konflikto de la pronomoj.



La leciono kiun devas lerni kaj Okcidento kaj Oriento estas ke, se libera ekonomio funkcias pli bone ol centrigita ekonomio, kaj se politika libereco estas pli bona rimedo ol diktaturo, des pli gravas ke ni tenu ĉiam senton de respondeco unu al la alia, ke ni rekonu la fakton ke ni ne rajtas, nek devas, ekskludi niajn najbarojn kaj kolegojn el partopreno en la socio, kaj ke ni ĉiuj havas devon ne nur ĝui niajn sociajn rajtojn, sed ankaŭ kontribui al la socio.

Nia socio estas profunde malsana, oriente kaj okcidente, norde kaj sude. En tiu malsana mondo, en kiu raciaj solvoj al problemoj estas ofte mokataj kaj priridataj, kie la homoj kiuj havas avantaĝojn, estas pretaj uzi ĉiujn pretekstojn por ilin konservi, ni ne miru ke fojfoje la nocio ke ĉiuj homoj povus rilati unu al la alia per lingvo neŭtrala, en spirito de egaleco, ricevas la mokojn de aliaj.

Kion Esperanto povas fari por ŝanĝi la mondan situacion? Kiuj estas niaj devoj kiel parolantoj kaj uzantoj de la internacia lingvo?

Ĝenerale la homoj ne estimas Esperanton, interalie ĉar ili ne pretas kredi je la miraklo de Esperanto — ke ĝi ja igas profundan internacian komunikadon, pri la plej malfacilaj kaj komplikaj temoj, demokrate farebla por ordinaraj homoj. Kaj se ili ne kredas, logike sekvas ke la stranguloj estas ni, ĉar ni kredas; logike sekvas ke ni iel suferas pro iluzioj kaj nur imagas ke ni komunikiĝas — ĉar vera komunikado estas farebla nur per lingvo, kaj Esperanto ne estas vera lingvo.

Plej facile estas eviti ilian skeptikecon asertante ke Esperanto jam sukcesis, ke ĝi ne bezonas la eksteran mondon, ke ĝi jam sufiĉas al si, ke ĝia movado koncentriĝu al siaj taskoj internaj.

Efektive, necesas ke la parolantoj de Esperanto, kiuj ofte tre neperfekte kaj neadekvate parolas ĝin, plie enprofundiĝu en la lingvon. Necesas ke ni havu niajn literaturajn revuojn, ke ni profunde diskutu lingvajn problemojn, ke ni evoluigu la skriban kaj parolan lingvon. Necesas ke ni dediĉu parton de nia tempo al lingva dommastrumo.

La Esperanto-movado ja portas al ni agrablan socion, ja donas al ni okazon ĝui internacian vivon kun homoj el ĉiuj partoj de la mondo, kun amaso da interesoj kaj da scioj. Sed ne sufiĉas ke ni ĝuu ĝin: ni havas solenan devon utiligi tiun doton, tiun donacon, kiun ni heredis, por krei pli bonan mondon. La interkompreno, la toleremo, la interkomunikado estas necesaj elementoj por la mondo, tute sendepende ĉu tiu mondo deziras aŭ ne deziras tion aŭskulti. Ni ja ne perdu nian tempon

vane disvastigante la mesaĝon de Esperanto, sed, se ni malsukcesas, ni ŝanĝu la rimedojn, ne la celojn.

### Esperanto floris en totalismo

Tamen ni frontas grandajn obstaklojn. Ĉar Esperanto proponas la eblecon de senpera internacia komunikado, ekster oficialaj kanaloj, ŝirmate de interveno de burokratoj (precize ĉar la burokratoj ne komprenas ĝian gravecon), ĝi emas flori kaj prosperi en totalismaj landoj, kie la libera komunikado de la homoj estas malhelpata. Sekve, ĝi floris en Sovetio, en Hungario, en Pollando, en eksa Jugoslavio. Venis la tiel nomata libero, kaj la Esperanto-movado multrilate velkis, ĉar la homoj nun havas aliajn kanalojn por la internacia komunikado, ne troviĝas konstante sub rigardo de la instancoj, kaj ankaŭ ne havas la liberan tempon kiun ili iam posedis, ĉar nun necesas perlabori la panon. Perdiĝis ankaŭ tiu oficiala pozicio kiun Esperanto akiris jen kaj jen, kiel ŝajne facile regebla elemento en ŝtata komunika politiko.

Tiel — kaj jen granda ironio — la lingva movado kiu tiel profunde (multe pli profunde ol multaj homoj imagas) subfosis la totalismon de tiuj landoj, estas nun vundata de la diskolapso de la totalisma domo kiun ĝi subfosis. Dume en la t.n. libera mondo la homoj perdiĝas en la hedonismo de konsumado, kaj ili neglektas la valorojn sur kiuj la (por tiel diri) rajto al hedonismo estas fundamentita.

Pola Radio mallaŭtiĝas iom post iom. [Pesimisma aserto; vd. p. 9. –*Red.*] La revuo *Hungara Vivo* malaperis. La bulgara asocio estas nur ombro de si mem. En eks-Sovetio lokaj kluboj fermiĝas, la agado por Esperanto fariĝas periferia. Kaj en tiu iama lando, Jugoslavio, kie Esperanto eniris la ĝeneralan fluon de la socio eble pli komplete ol en iu ajn alia lando, ĝiaj principoj neglektiĝas kaj falas en la tajdo de la sango kiu nun sufokas la tieajn popolojn.

Eble temas pri tio ke ĉiu natura forto kreas sian kontraŭforton — ke en Jugoslavio Esperanto dum multaj jaroj prosperis kiel kontraŭpremo al la netoleremo kaj etna agresemo. Mi ne scias la respondon al tiu demando, sed, kiel ajn, ĝi donus malmultan konsolon.

La mondo ja similas tiun mondon en kiu Zamenhof pastroservis, kaj la rimedoj kiujn li eltrovis — komunikilo inter la homoj, kaj transpontantaj kredoj kiuj permesus la lokajn diferencojn, sed en kadro de unueca humanismo — ne estas eksmodaj en nia hodiaŭa universo.

En la epoko de Zamenhof la vojaĝado fariĝis multe pli facila. Tiu kontakto, inter homoj kiuj trans grandaj distancoj komunikiĝas kaj trovas komunan vidpunkton, iris plian stadion en la dudekaj kaj tridekaj jaroj, kiam unudirekta elektronika komunikado ebligis per radio la mobilizon de homoj trans grandaj distancoj en la Hitlera kaj Stalina totalismoj. Hodiaŭ venis dudirekta komunikado tuja kaj tutmonda. Kiel antaŭe, la scienco pli rapide kuras ol la edukado, kaj ni ankoraŭ ne edukiĝis adekvate por utiligi la novajn rimedojn je nia dispono.

### Rimedoj por tutmonda dialogo

Mi estas konvinkita ke la estonteco de Esperanto dependas de nia kapablo utiligi la elektronikajn rimedojn por unuigi nian movadon ĉirkaŭ la grandaj demandoj de milito kaj paco. Ni devas utiligi tiujn rimedojn por krei demokratan dialogon pri la estonteco de nia planedo kaj pri la valoroj kiuj fundamentas nian socion. Se ni ne kaptas tiujn rimedojn, aliaj, la Hitleroj, kiuj tamen ĉiam hantas nin kiel duobluloj, ilin kaptos por krei ankoraŭ pli terurajn totalismojn.

En unu aspekto, la mondo de Zamenhof kaj tiu de hodiaŭ estas malsimilaj: tiam regis granda lingva diverseco; hodiaŭ pli kaj pli la elito de la mondo, la internacia klaso, por tiel diri, utiligas la anglan lingvon pli-malpli kompetente. Ĉu la epoko de Esperanto finiĝis, ĉar la angla venkis? Mi opinias ke ne. Unue ni notu ke en certaj mondopartoj, kaj precipe la Eŭropa Komunumo, la lingva batalo daŭras, eĉ atingis absurdan kaj kompletan ŝtopiĝon. Esperanto prezentas pli racian, pli malmultekostan solvon al tiu problemo de EK ol iu ajn alia t.n. solvo. Simila, malpli ekstrema problemo restas nesolvita en Unuiĝintaj Nacioj. Tie utiligo de Esperanto povus plifaciligi la veran dialogon kaj redukti la kostojn — se ĉiuj homoj pretus kune porti la relative malgrandan ŝarĝon ĝin enkonduki.

Tamen, tiuj kiuj supozas ke Esperanto povos en baldaŭa estonteco ludi la rolon de la angla lingvo en la internaciaj aferoj, tiuj revas. Sed unu el la mesaĝoj de la esperantistoj, jam tra multaj jaroj, estas ke unu lingvo ne sufiĉas por ĉiuj homaj intertraktoj. Se la angla lingvo ludas, kaj plu ludos, la rolon de teknika ligilo kaj de portanto de la valoroj de la libera ekonomio, la Esperanta lingvo povas paralele ludi la rolon de filozofia, neŭtrala lingvo, en kiu la profundaj demandoj de la homaro povas esti traktataj en spirito interpopola, neekspluata. Kaj se la angla lingvo, almenaŭ dum potencos la anglalingvaj landoj, restos komuna dialekto de la internacia kapitalista vivo, tamen restas loko por la facila kaj senpartia lingvo Esperanto, ĉar ĝi estas portanto de valoroj daŭraj, esencaj kaj (mi tamen kredas) venkokapablaj en nia suferanta mondo.

Sed se ni ne traktos serioze tiun seriozan lingvon, se ni ne kredos je la potenco de Esperanto kaj riskos enkasigi la miskomprenojn kaj eĉ mokojn de aliaj, Esperanto neniam sukcesos — kaj ni, esperantistoj, ne portos al la komuna tablo de la homaro nian kontribuon al pli paca mondo. Jes, ni devas profundigi nian scion de Esperanto, jes, ni devas fortigi nian propran Esperanto-socion. Sed, lerninte Esperanton, ni akceptis pli grandan respondecon. Niaj organizaĵoj devas trovi manierojn pli forte kaj pli rekte engaĝi la ceteran mondon je la nomo de tiuj idealoj kiujn ni kredas gravaj. Belas kultivi nian ĝardenon, sed ne je kosto de ignoro de la ĝangalo preter ĝiaj bariloj.

**Humphrey Tonkin (Usono)**

*Litovio:*

# Esperanto ricevis bopatran domon



Kvin jaroj da agado estis resumitaj en la 29-a kongreso de Litova Esperanto-Asocio (LEA), kiu okazis dum la Zamenhof-Tagoj (la 11-12-an de dec.) en Kaunas, kun partopreno de pli ol 200 esperantistoj el 26 litoviaj urboj kaj 6 aliaj landoj. Ĉeestis kaj parolis Louis C. Zaleski-Zamenhof, nepo de la kreinto de Esperanto, Arimantas Račkauskas, la e-ista urbestro de Kaunas, kaj Sigitas Randis, urba estro pri kulturo kaj edukado.

LEA estis restarigita kiel memstara organizaĵo antaŭ kvin jaroj, fine de 1988, kaj per tiu ago ĝi sendependiĝis de la tiamaj sovetiaj strukturoj. Kiuj estis ĝiaj atingoj en 1988-1993?

## Atingoj kaj akiroj

Jam en 1989, dum la Brajtona UK, LEA aliĝis al UEA kiel landa asocio — senprecedenca paŝo tiutempe. Grave plifirmiĝis la internaciaj kontaktoj de litoviaj e-istoj, ili multe pli ofte aperis en internaciaj E-aranĝoj. Sufiĉas mencii la tre gravan kaj aventuran vojaĝon al Bergeno.

Litovio mem organizis gravajn internaciajn eventojn, i.a. la 8-an Internacian Metodikan Seminarion (5-11 nov. 1990), la 8-an Internacian Medicinan E-konferencon (19-25 jul. 1991) kaj la 2-an Eŭropan E-Forumon (28 sept.- 5 okt. 1991) en Kaunas, kaj la 65-an kongreson de Sennacieca Asocio Tutmonda (4-15 aŭg. 1992) en Vilnius.

Malgraŭ tre malfavoraj ekonomiaj kondiĉoj, la dumonata LEA-revuo, *Litova Stelo*, sukcese restartis en 1991 kaj daŭre aperas.

Esperanto akiris oficialan statuson en la nova kleriga sistemo de Litovio: en 1993 la eduk-ministerio enigis ĝin en la liston de elekteblaj studobjektoj en mezlernejoj kaj eldonis por ĝi instru-programon.

Tre grava atingo en la nuna ekonomie transira periodo: la Asocio finance stabiliĝis. Dum en Orienta Eŭropo pluraj landaj asocioj baraktas finance, LEA ne nur ne bankrotis, sed sukcesis elturniĝi kaj ne devis limigi sian agadon. Ĝi ekzemple pagis la tranokton de ĉiuj gastoj dum la Zamenhof-tagoj. Ni speciale dankas, krom al UEA, al Matthias Behlert (Germanio), kiu iniciatis kampanjon por helpi baltiajn E-asociojn.

Inter la aliaj atingoj indas mencii: Ĉiujare iom kreskas la membraro de LEA, kiu nun havas 450 individuajn kaj 32 kolektivajn membrojn. Daŭras la instrua laboro, okazas radio-disaŭdigoj el Vilnius. Zamenhof-monumento estis inaŭgurita en Veisiejai. Ĉiujare okazas la literatura aranĝo Muzo, kaj en ĉiu tria jaro Baltia E-Tendaro.

## Prioritato: instrui

La kongreso decidis daŭrigi la agadon en ĉiuj plej gravaj direktoj, sed la ĉefa prioritato estos instruado. Speciale nun, kiam ekzistas oficiala eblo instrui E-on en mezlernejoj, la problemoj — manko de lernolibroj kaj de kompetentaj instruistoj, nekontentigaj kvanto kaj kvalito de la kursoj — fariĝas tre gravaj.

En la estraraj elektoj Povilas Jegorovas, ĝisnuna vicprezidanto, fariĝis prezidanto (lia antaŭulo Laurynas-Algimantas Skūpas, nun loĝanta en Francio, demisiis letere). Unua vicprezidanto elektiĝis urbestro Arimantas Račkauskas, la du ceteraj vicprezidantoj estas Aloyzas Gudavičius (rektoro de pedagogia universitato) kaj Adomas Vaitilavičius (redaktoro de *Litova Stelo*). Respondeca sekretario estis elektita Irena Alojošiūtė, kiu plentempe laboras en la oficejo de LEA. La estraro havas dek kromajn membrojn.

## La propra domo de LEA

La ĉefa evento de la Zamenhof-Tagoj estis tamen la oficiala inaŭguro de la Litovia Esperanto-Domo en la malnova parto de Kaunas, sub la adreso str. L. Zamenhof 5. Temas pri la iama domo de Aleksandro Zilbernik, la bopatro de Zamenhof.

Tiu atingo kronas multjaran agadon de litoviaj e-istoj. Ne detalante la streĉe interesan historion de la akiro, mi nur menciu ke ĝi rezultas el tre sindona agado (startinta en 1984!) de la Litova Filio de Asocio de Sovetiaj E-istoj, kaj poste de la LEA-estraro. Ni devis multfoje persvadi urbajn, respublikajn, pli frue eĉ Moskvajn instancojn. Ni skribis multajn leterojn, preparis diversajn materialojn, ne unufoje vizitis altrangulojn. Ni levis la demandon publike en la litova gazetaro kaj organizis leterkampanjon de en- kaj eksterlandaj e-istoj al redakcioj, al urbaj kaj respublikaj instancoj. En 1988 jam ekzistis principa decido pri transdono de la domo. Sed poste Litovio sendependiĝis . . . estis

momentoj kiam ĉio ŝajnis perdita kaj la laboro rekomencenda. Sed en 1992 la afero solviĝis definitive: laŭ decido de la litova registaro, la domo senpage fariĝis propraĵo de LEA.

Post sufiĉe longaj riparlaboroj, financitaj de urbaj instancoj, finfine la domo estas preta. Ducento da e-istoj ĉeestis ĝian inaŭguron, kiun komencis la ĵus-elektita LEA-prezidanto Jegorovas, dirante: en la mondo ekzistas multaj E-centroj, sed ĉi tiu estas unika, ĉar ĝi instaliĝas en domo forte ligita kun la ekesto de Esperanto. Poste parolis Zaleski-Zamenhof, kaj oni legis la gratulleteron de John Wells, kiu substrekis: Litovio kaj Esperanto, ambaŭ suferintaj "sub la ruĝa faŝismo de Stalin kaj la nigra faŝismo de Hitler", devas komune batali por "egalrajteco en la internacia komunikado". Jegorovas malfermis la pordon de la domo kaj invitis Zaleski-Zamenhof eniri la unua. Poste en diversaj ĉambroj ĉiuj partoprenantoj estis regalitaj per pokalo da ĉampano. Konsumiĝis entute 48 boteloj.

Pri la kongreso kaj la inaŭguro aperis artikoloj kaj raportoj en almenaŭ 23 litoviaj gazetoj litov-, pol- kaj ruslingvaj, ofte kun foto de la domo. La radio multfoje informis, kaj la televido montris la eventon en ĉefaj novaĵprogramoj.

Multon ni devos fari ĝis la domo ekfunkcios plene. Sur ĝia preskaŭ 300 $m^2$-a surfaco estas antaŭviditaj oficejo de LEA, biblioteko de E-literaturo, centro de E-instruado, E-kluboj de Kaunas, muzeo de Zamenhof kaj de la litova E-movado, eldona fako, redakcio de *Litova Stelo*, arkivo de la litova E-movado, vojaĝagentejo, kaj gastoĉambro.

Sed por funkciigi ĉion, necesos multe da homa, teknika kaj financa helpo. Ni invitas ĉiujn viziti la domon kaj popularigi ĝin en la E-gazetaro. Ni petas ĉiujn, precipe eldonejojn, kompletigi nian bibliotekon. Ni atendas proponojn organizi ĉe ni internaciajn E-aranĝojn.

Nia adreso: LEA, ab.k 167, LT-3000 Kaunas, Litovio. Tel.: +370/7/208-503 kaj /205-491; faks. /207-381 kaj /204-970; telekso 269806 BOOK SU.

**Povilas Jegorovas**
**Prezidanto de Litova E-Asocio**

*Nodoj de nia historio:*

# Fundamentaj valoroj

La engaĝiteco al la afero de paco dekomence estas determine grava ideo de la movado. Jam la teorio pri Internacia Lingvo aperis kiel parto de la porhomara historia **programo de la universala paco** (vd. dec. 1993, p. 203). Ideologo de la Volapuk-movado en la unua kongreso (1884) eksplikis ke tiu lingvo signifas "komunan ligilon de la amo ĉirkaŭ ĉiuj popoloj de la mondo."

La etoson de la frua movado pleje spegulas la poemoj de la iniciatintoj, kiujn ili mem deklamis en la unuaj kongresoj. Schleyer, 1884:

*Per la ĉiambrilaj bataliloj de la klero*
*Ek al nia nova, grandioza paca kreo,*
*Ligilo de la amo fariĝis Volapuko nia,*
*Landojn kaj landojn jam de nun ĉirkaŭplektanta;*
*Ke nia belega de sunbrilo Tero*
*Por la amfratoj fariĝu Edeno;*
*ĉies langoj klare akordiĝu,*
*Pacaj sonoj monden feliĉflugu . . .*
(Bayerische Lehrer-Zeitung, 1885-03-20. Beilage. 142-143.)

Kaj Zamenhof en 1905 en Bulonjo (*Preĝo sub la verda standardo*):

*La verdan standardon tre alte ni tenos;*
*Ĝi signas la bonon kaj belon.*
*La Forto mistera de l'mondo nin benos,*
*Kaj nian atingos ni celon.*

Oni ofte citas arbitre el la Bulonja Deklaracio (1905) ke esperantismo estas disvastigo de la "lingvo neŭtrale homa", kaj ke "ĉiu alia ideo aŭ espero, kiun tiu aŭ alia Esperantisto ligas kun la Esperantismo, estos lia afero pure *privata*, por kiu la Esperantismo ne respondas." Por ĝuste taksi tiun historian dokumenton, necesas konstati ke tiu lasta aserto komplete fiaskis kiel prognoza rekomendo. La movadon kiel tuton ĉiam karakterizis porpacaj konceptoj, kaj la kontraŭaj provoj kaj tendencoj ĉiam restis marĝenaj – kvankam konstantaj. (Ĝuste ili manifestiĝis en la eraro de tiu historia dokumento.) Ni tre precize scias ke **la ideo de paco neniam estis privata afero, sed afero de la movado.**

La engaĝiteco por la paco ne nur restis determine grava ideo, sed ĝi iel plivastiĝis: en 1947 UEA deklaris ke **"la respekto de la homaj rajtoj estas por ĝia laboro esenca kondiĉo"**. En la dua duono de la 20-a jarcento la fundamentaj ideoj de la movado estas **la universalaj homaj valoroj**, inter kiuj nur unu estas la paco.

Plie: pri tiu temo ekzistas pluraj aliaj deklaracioj kaj rezolucioj de la movado. Ekz. la 35-a UK en Parizo (1950) deklaris ke "La Internacia Lingvo – estante ne nur teknika rimedo de pensado kaj komunikado, sed ankaŭ potenca instrumento de proksimigo de la homoj en la mondaj kadroj – estas **esence ligita al tutmonda paco kaj al amikecaj rilatoj inter la popoloj.**" (emfazo de Á. R.). Krome la *Deklaracio pri la celo de la Esperanto-movado*, akceptita de la 36-a UK en Munkeno (1951), konsideris Esperanton instrumento kiu "altiras pli larĝajn popoltavolojn al aktiva partopreno en la internacia vivo" kaj kontribuas al la afero de la tuthomara solidareco.

Prisilenti ĉi tiajn deklarojn kaj rezoluciojn signifas misprezenti la Bulonjan Deklaracion. Estas vere ke rezolucioj kaj deklaracioj de kongresoj ne estas juraj dokumentoj. Tamen, tia prisilento havas malfeliĉan efikon, kiun oni povas prilumi per jura komparo. Referenci sole al la Bulonja Deklaracio estas kvazaŭ juristo verdiktus pri damaĝo kaŭzita de mara borturo, aŭ pri atribuo de frekvenco al satelita programo, sole laŭ la romia juro, ĉar nur ĝin li konas.

Sed ni povas konstati ankaŭ tion ke la tradicioj kaj la nuntempaj movadaj spertoj, pli fortaj, multe pli influas la e-istojn ol la misprezento de historia dokumento. Malgraŭ kelkaj kontraŭaj klopodoj, **la universalaj homaj valoroj estas firma fundamento por la movado.** Eĉ, la lasta jardeko montras ne finon sed fortiĝon de tiu fenomeno spertita de jarcento. Diskutoj de la lastaj jaroj montras al eventuala ĝenerala akcepto de pliaj valoroj: demokratio, egalvaloreco de lingvoj, rajto de la individuo konservi sian lingvan identecon, propedeŭtika valoro de Esperanto, internacia kulturo kiun la lingvokomuno konscias propra k.s.

**Árpád Rátkai (Hungario)**

*Afriko:*

# Kio pri ili ĉe la suda pinto?

***Pasintjare Harro von Blottnitz, la redaktoro de* Bona Espero*, jarduona bulteno de la sud-afrika asocio, ĉefartikolis jene, sub la titolo "Kio pri ni ĉe la suda pinto?":***

En la internacia esperantista gazetaro oni povas de tempo al tempo legi artikolojn sub la titolo *Afrika agado*. Tiuj kutime priskribas la evoluon de Esperanto en iu(j) lando(j) en Afriko kaj alvokas e-istojn subteni novajn klubojn aŭ asociojn. Tiel oni scias pri e-ista agado en landoj kiel Tanzanio, Benino, Zairio kaj Togolando.

Sed pri la movado en Sud-Afriko mi neniam legis artikolon. Kial ne? Ĉu la movado ne interesiĝas pri ni? Ĉu oni ne scias pri nia ekzisto? Ĉu apartismo ankoraŭ pendas super niaj kapoj, forpelante ĉiun kontakt-emulon? Aŭ ĉu ni simple ne estas vera parto de Afriko? Ĉu eble oni eĉ havas la ideon ke en Sud-Afriko ja ekzistas bone funkcianta E-asocio, kiu ne bezonas internacian subtenon?

Plej gravaj estas, verŝajne, la lastaj du perceptoj. Ĝuste pro tio ni bezonas iom da "Afrika agado" ĉi tie. Mi klarigas:

Esperanto-Asocio de Suda Afriko (EASA) kaj, antaŭ ĝi, Sudafrika Esperanto-Asocio (SEA) jam de 30 jaroj zorgas pri Esperanto en Sud-Afriko. Ekzistas delegita reto, membroj de EASA partoprenis UK-ojn de tempo al tempo, kaj individuaj esperantistoj estas bone konataj en la movado (precipe Felix Woolf kaj Edwin de Kock). Tamen, EASA havas nur ±50 membrojn, el kiuj 35 estas dumvivaj kaj eble 15 aktivaj. La financoj estas stabilaj, sed la asocio ne estas riĉa. Subteno por la asocio venas nur de la riĉa, unuamonda (aŭ, se vi volas, "blanka") parto de la loĝantaro. Alivorte, Esperanto estas "eŭropa", ne "internacia" lingvo en Sud-Afriko.

Ĉu, do, ekzistas paralelo inter la rilato UEA–Afriko unuflanke kaj EASA–Sud-Afriko aliflanke? UEA antaŭ dek jaroj trovis grandan truon sur la mapo de Esperantujo kaj decidis fari ion pri tio. Same, por EASA estas granda truo en la demografia mapo. Ĉu EASA volas, povas, devus fari ion pri tio?

Kiel "Esperanto-Asocio de *Suda* Afriko" ni devas fari ion pri tio! Eĉ se nur renomi nin al, ekzemple, "Esperanto-Asocio por Eŭropemaj Sud-Afrikanoj". Serioze, tamen, ĉu EASA havas la rimedojn por fari ion pri la situacio? Sen internacia helpo verŝajne ne. Mankas tempo inter la malmultaj esperantistoj, mankas bona instruisto, mankas mono. Kaj mankas en Sud-Afriko la konvinko ke la internacia lingvo, kompare kun la angla, havas valoron en la mal-privilegiitaj komunumoj.

Kian valoron havus Esperanto en tiuj komunumoj en Sud-Afriko? Estas demando simila al "Kian valoron havus Esperanto en afrikaj komunumoj?" UEA verŝajne demandis sin tiel. En Sud-Afriko la kreado de espero kaj idealismo inter junuloj povus esti unu bona respondo. UEA povus doni al ni aliajn.

Kian valoron havas Sud-Afriko por Esperantujo? Ĉu indas por la movado investi ĉi tie? Mi opinias ke jes. Sud-Afriko estas en aparte interesa pozicio en la Zamenhofa kunteksto. Tre diversaj kulturoj parolantaj tre malsamajn lingvojn provas pace kunvivi. La angla lingvo estas preskaŭ akceptata kiel la "internacia lingvo". Ĉu ĝi fiaskos pro sia malneŭtraleco kaj la malfacileco lerni ĝin? Ĉu Esperanto, eĉ nur malgrandskale, povas kuntiri sud-afrikanojn el diversaj kulturoj?

Estas tempo enkonduki iom da "Afrika agado" ĉe ni!

**Harro von Blottnitz (Sud-Afriko)**

# Esperantumu ĉe la fontoj de Nilo

Du milionojn da jaroj post la unua homo, 120 jarojn post Livingstone kaj 30 jarojn post Tibor Sekelj [vd. *Ĝambo rafiki*, Edistudio 1991]: jen bona momento por denove esplori la mondoparton de Viktoria lago, kie Tanzania E-Asocio (TEA), du jarojn juna, arangôs sian duan kongreson, pri "Homa kaj natura diverseco en Orienta Afriko" (11-18 junio).

Oni decidis kongresi en Mwanza, en la regiono el kiu Esperanto disvastiĝis tra la lando. Hazarde aŭ ne, la Viktoria lago por la orient-afrikanoj estas koro kaj trafika ligilo; por la mondo ĝi estas la plej grava, longtempe mistera fonto de la rivero Nilo.

La junaj samideanoj el pluraj kluboj de la lando donos al si maloftan okazon por interŝanĝo de spertoj, zorgoj kaj plezuroj. Ili esperas je partoprenantoj el Ugando, Kenjo, aliaj afrikaj landoj, kaj eĉ el transmare, ĉar ili havas multon unikan por oferti.

Unue, la kongreslokon mem: Mwanza – facile atingebla de la flughavenoj Daresalamo aŭ Kilimanĝaro – disponas pri diversaj urbaj komfortoj, sen grandurbaj malagrabloj. Ĝi situas apud varma, pura kaj invita lago. Due, la okazon renkonti similecojn kaj malsimilecojn de orient-afrikanoj. Trie, ekskursojn al mondfamaj naturparkoj, al la montoj Meru kaj Kilimanĝaro ktp. Kvare, se vi volos viziti klubojn en aliaj partoj de la lando, vi spertos plenkoran tanzanian gastamon. (TEA ankaŭ serĉas kompetentan eksterlandanon kiu instruos en kluboj kaj en seminario por instruontoj.)

La kotizo ankoraŭ ne estas fiksita, sed ĝi estos malalta. Aliĝojn la organizantoj petas kiel eble plej frue, kun indikoj pri la kvalito de preferata tranoktejo, pri la alvojaĝo, pri apartaj bezonoj: skribu al la sekretario, Costantine Mashauri, P.O.B. 23390, Dar-es-Salaam, Tanzanio. Informojn donas ankaŭ Anita Dagmarsdotter, Mariehamnsgatan 18, SE-16479 Kista, Svedio; tel. +46/8/75-17-379. Por urĝaj komunikoj estas uzebla la adreso de gastiganto el Pasporta Servo: Horst Gruner, ĉe Germana Ambasado, P.O.B. 9541, Dar-es-Salaam; tel. +255/51/67807 (privata) aŭ /46334 (oficeja); faks. (oficeja): /46292; telekso 41003 AA DRSM.

**Horst Gruner (Germanio/Tanzanio)**

*Efektive, novaĵoj el Sud-Afriko en nia revuo neniam superis la notican nivelon de la rubrikoj "Loke-Fake-Persone". Des pli volonte ni intervjuis la artikolinton dum lia feria vojaĝo en Eŭropo, pri la politika kaj lingva situacio de Sud-Afriko, pri la ŝancoj de ĝia E-movado.*



*Harro von Blottnitz*

*Via nomo, von Blottnitz, sonas germane, eĉ pruse . . .*

Tamen, mi venas el Kab-urbo. Mi naskiĝis en Sud-Afriko, kien mia patro enmigris 7-jara. Ĝis la deka klaso mi instruiĝis nur per la germana, sed mi abiturientiĝis en la angla, kaj devis lerni ankaŭ la afrikansan.

*En Sud-Afriko oni kutime konas plurajn lingvojn, ĉu ne?*

Jes. Tamen, multaj scipovas nur la anglan, kiun prioritate uzas la blankaj enmigrintoj. La buroj krome parolas sian afrikansan, kaj multaj scias trian lingvon pro sia origino.

Ni havas 8 aŭ 9 aŭtoktonajn lingvojn. Malofte blankuloj scipovas iun el tiuj, tamen farmistoj ofte interparolas kun laboruloj en ilia lingvo, ekz. en la khosa. Aliflanke, la afrikansa estas gepatra lingvo ne nur de blankuloj.

*La nunaj politikaj ŝanĝoj nepre alportos lingvopolitikajn ŝanĝojn en via lando. Ĉu la angla gajnos terenon?*

Verŝajne jes. La afrikansa, kiu elkreskis surloke el la nederlanda, pli bone esprimas la afrikan realon ol la angla, kaj pli facile lerneblas. Sed, bedaŭrinde, politike ĝi havas malbonan reputacion.

Kiel e-isto, mi emas dubi pri la taŭgeco de la angla "solvo", sed ekonomie Sud-Afriko bezonas kontaktojn kun la anglalingvaj landoj.

*Imageble, subtenantoj de la angla kiel oficiala lingvo argumentas ke ĝia ĝenerala uzado ĉesigos unu blankulan privilegion.*

La rondoj proksimaj al Afrika Nacia Kongreso (ANC) proponas ke la angla estu la sola nacia lingvo, sed ĉiu el la dek regionoj havu sian duan lingvon oficialan. Tiel homoj kiuj ne scipovas la anglan tamen povos "paroli al la ŝtato". Sed la zulua organizo Inkatha preferas ke ankaŭ la zulua estu nacia lingvo, kaj la buroj — t.e. plimulto de la blankuloj — ŝatus konservi la nunan staton, kiam la afrikansa estas oficiala ĉie en la lando.*

*Tute abstrakte, Esperanto povus esti bona helpilo . . .*

Ni povus elpaŝi nur se Esperanto iam gajnus pli fortan pozicion en Eŭropo aŭ aliloke. Sed nia movado tro malfortas por ŝanĝi la nescion kaj antaŭjuĝojn de la publiko.

*En 1977 la ĉefdelegito (tiama kaj nuna), Colin Beckford, raportis pri 180 e-istoj en la lando, kies duono membris en la asocio. Vi parolas pri nur 50 membroj . . .*

Jes, kaj ni ne scias ĉu estas aliaj e-istoj. Multaj membroj aĝas pli ol 60 jarojn, kaj 5-10 informpetantoj jare ne sufiĉas por rejunigi la movadon.

*Kiu estas ekskluzive blankula . . .*

Mi kiel estrarano de EASA hontas pri tio, sed ne scias kion fari. Kiel esperantigi nigrulojn sen aspekti novkoloniisma? Ne valoras ke blankuloj altrudu eŭrop-originan lingvon en lando kie ne estas postulo — malgraŭ ke, pro la manko de kompreniĝo, principe estas bezono.

*Ĉu, finfine, Sud-Afriko apartenas al Afriko?*

Mi, junulo, vere ŝatus kunlabore aparteni al la kontinento kaj kunkonstrui novan socion multkulturan. Tutcerte, la ĝisnuna superrego de la bura kaj brita kulturoj finiĝos. Sed kio venos anstataŭe, mi ne scias.

*Ne troviĝas unueca nigrula kulturo kiu transprenus la ĉefrolon.*

Tamen, super la etnaj, tribaj kaj lingvaj diferencoj, ekzistas iu komuna tutafrika kulturo. Dank' al ĝi, en niaj antaŭurboj nigruloj diversoriginaj senprobleme kunvivis de longaj jaroj. La kaŭzoj de iliaj nunaj konfliktoj ne estas kulturaj, sed ideologiaj kaj sociaj. ^

* Post kiam la intervjuo realiĝis, oni akceptis provizoran konstitucion en Sud-Afriko, laŭ kiu estos 11 oficialaj lingvoj en la lando: la afrikansa, angla, conga, cvana, khosa, ndebelea, pedia, sota, svazia, vendaa kaj zulua. La parlamentoj de la naŭ provincoj decidos kun du-triona majoritato pri la lingvo uzota sur ilia respektiva teritorio, dum la deputitoj en la Nacia Asembleo rajtos uzi iun ajn el la 11 lingvoj. Iuj kritikantoj antaŭvidas Babelan multiĝon de tradukservoj, aliaj iom-post-ioman ĉeflingviĝon de la angla.




***Se vi volas renkonti la membrojn de la Amikeca E-Klubo en Achiase, venu al la Tria Afrika Kongreso en Ganao, inter la 17-a de dec. 1994 kaj 6-a de jan. 1995. Informas: Hans Bakker, adreso en la kolofono.***

*Internacia Festivalo:*

# Dekan fojon familie

*Kun ĝojo ni ĉiuj solene konstatas / ke plene sukcesis la deka IF.*

La supraj versoj apartenas al la himno de la Internacia Festivalo (IF), haste sed plenanime kunmetita de plurnacia teamo fine kaj krone de la jubilea (deka) okazigo, en Sensenstein apud Kassel (Germanio). IF naskiĝis el ripo de la Internaciaj Seminarioj (IS) de Germana E-Junularo (GEJ) plejparte dank' al la iniciatemo de Hans-Dieter Platz (HDP), kiu brave plu ĝin organizas. Direktite al la generacio inter junularo kaj maljunularo, tiuj homoj kiuj ĝenerale malaperas de la movado pro tempomanko kaj familiaj devoj, IF devas kontentigi ne nur pli kaj pli postulemajn ĵusajn eksgejunulojn, sed ankaŭ gravan areton da infanoj, jen denaskaj geesperantistetoj, jen apenaŭ ekparolaj gekrokodiletoj. Tiuj personoj elektos mem, en la estonteco, ĉu plu profiti je la eksterordinara festivala lingvo.

Kvankam la ĉefa celo estis kunloĝado kaj kunfestado dum la jarfinaj kaj novjaraj tagoj, la 10-a IF proponis ankaŭ interesajn prelegojn (kadra temo: "Nuntempa E-lingva literaturo") kaj bonkvalitajn artajn aranĝojn al la 150 kunvenintoj el 15 landoj. La nederlanda polifonia ensemblo Akordo prezentis plenan koncertan programon. Du aktoroj el la renoma trupo Kia Koincido surscenigis mallongan dramon de la ĉeĥa prezidento-verkisto Václav Havel, *Aŭdienco*, mezvoje inter absurda teatro kaj politika kritiko. La tuttaga ekskurso al Paderborn inkluzivis viziton al la malgranda kaj mistera pupteatra halo de la esperantista stelo Trixini, jam ne nur magiisto. Dume alia movada magiisto, Don Espero, pli ol unu fojon mistifikis la internaciajn festivalanojn, kun precipa entuziasmo de la plej junaj.

Por kompletigi la bildon, necesas mencii du tradiciajn kaj nemalhaveblajn erojn de IF. Per la Silvestra balo, post abunda Silvestra bufedo, la plurnaciaj e-istaj familioj kune bonvenigis la novan jaron. En la ceteraj vesperoj la "Knajpo", germaneca trinkejo, provizis idealan etoson por plekti rilatojn kaj babili en Esperanto ĝis tagiĝo.

**Giulio Cappa (Italio)**




# Ŝtalrato por Esperanto

En marto 1994 eliros en Usono, Germanio kaj Italio la nova romano *The Stainless Steel Rat Sings the Blues* ("La rustrezista ŝtalrato ve-kantas") de Harry Harrison, mondfama SF-verkisto kaj Honora Patrono de UEA. Kiel kutime en la verkoj de Harrison, librofine aperos tutpaĝa anonco pri Esperanto (lingvo kiun lia heroo Jim di Griz "parolas kiel denaskulo"), kun la adreso de la respektivaj landaj asocioj.

# IF-impresoj

Prezenti ion ajn al esperantista publiko principe ŝajnas facile, ĉar la reagoj estas bone antaŭvideblaj. Parto de la ĉeestantoj estas ĉiam fiera ke "io tia" (ekz. soprana kantado, magia vespero aŭ instruo pri ventrodancado) eblas ankaŭ "ĉe ni", do tiu ĉi parto reagos principe bonegvoleme. Aliflanke en ĉiu prelego aŭ prezentado de sciindaĵoj kutime aperas homoj kiuj emas utiligi ĉiun okazon por montri siajn proprajn specialajn konojn per delikataj demandoj aŭ komentoj. Do, se spertulo pri, ekzemple, romanoj verkitaj en Esperanto, prelegante pri iu romano, eventuale iun esprimon opinios francismo, li certe provokos la demandon ĉu ne pli verŝajne temas pri katalunismo, ĉar laŭ la informoj de la demandanto la bopatrino de la verkinto naskiĝis en Perpinjano. En tia kazo lerta preleganto simple invitos la demandinton fari (post la vespermanĝo) apartan prelegon pri katalunaj aferoj — sed ve al li se troviĝas *du* tiaj specialistoj en la aŭskultantaro!

Ke entute la iom seminarieca IF tamen rajtas nomiĝi festivalo, plejparte ŝuldiĝas al la "Knajpo". Temas pri kompleta gastejo aranĝita en unu saloneto de la junulardomo, kies variegaj ofertoj de manĝaĵoj kaj (ĉefe) trinkaĵoj superis eĉ profesiajn trinkejojn, kaj kiu funkciis ĉiun vesperon kaj nokton, dank' al la sindonemo de kelkaj "deĵorantoj". Tia ejo ja necesis, ĉar ne ekzistis aliaj trinkejoj atingeblaj piedire, sed la Knajpo komplete forgesigis pri tiu cirkonstanco. Tie okazis samtempe debatoj pri beletro, reciproka informado pri kuiraj receptoj, ludado de aŭ kun infanoj, rakontoj pri feriaj vojaĝoj al ekzotikaj landoj, intersanĝo de tradiciaj ŝercaĵoj pri belgoj kaj orientaj frisoj, kaj lascivetaj paŝoj al ekamorado — kaj ĉio ĉi havis speciale familiecan etoson, kiu en "knajpo" eble pli draste montriĝis ol dum la tradiciaj Silvestraj vespero kaj balo.

**Winfried Schumacher (Germanio)**

*Medicino:*

# Homeopatia agnosko

Je la fino de novembro okazis la jara asembleo de Venezuela E-Asocio kun 30 ĉeestantoj. [En jan. 1993, p. 18., ni informis ke nacia renkontiĝo en novembro 1992 ne povis realiĝi pro puĉoprovo en la lando.– *Red.*] Ĝenerala sekretario Juan E. Bachrich informis pri la agadoj de la asocio kaj de ĝiaj membroj, poste prezidanto prof. Jorge Mosonyi skizis la planojn por la venontaj du jaroj.

VEA streĉe kunlaboras kun Internacia E-Instituto (Hago) por realigi E-kurson televide uzeblan en ĉiuj landoj. Oni preparas eldonon de la junulara romano *Kumeŭaŭa, la filo de la ĝangalo* de Tibor Sekelj (hispanigis Guillermo A. Cook), esperantigas verkojn de Simon Bolívar (la liberiginto de Venezuelo) kaj preparas venezuelan poemaron en Esperanto. Fernando de Diego fortostreĉe verkas novan kaj kompletan vortaron hispan-Esperantan, kun vortoj el ĉiuj partoj de la hispanparolanta mondo.

Oni reelektis dek membrojn de la estraro kaj aldonis du novajn, Florinda de Rossen kaj prof. Juan Negrete.

La 10-an de novembro (je la 500-a datreveno de la naskiĝo de medicinisto Paracelsus), la Venezuela Asocio de Homeopatoj kaj la Venezuela Lernejo de la Homeopatia Medicino decidis komenci instruadon de E-o kiel nedeviga studobjekto ekde januaro 1994. La decido referencas unualoke al priesperanta propono de la tutamerika homeopatia kongreso (vd. okt., p. 178), kaj krome argumentas ke:

– homeopatiaj revuoj de Francio kaj Anglio publikigas proponojn ke gravaj resumoj aperu en E-o;

– la brazila revuo *Homeopatia Esplorado* aperas en du lingvoj, la portugala kaj E-o;

– la studobjektoj ĉe la brazila Homeopatia Instituto F. Lamasson inkludas E-on;

– ekde 1990, homeopatia revuo en Karakaso aperigas sian ĉefartikolon en ambaŭ lingvoj. ★

## Konkurso de Pola Radio

Okaze de la 35-jariĝo (la 4-an de aprilo) de la Esperanto-elsendoj ĉe Pola Radio, la E-redakcio invitas al konkurso. Ĝis la 30-a de junio oni sendu respondon (Pola Radio, Esperanto-Redakcio, PL-00-950 Varsovio, P.O. Box 46, Pollando), en laŭplaĉa amplekso, al almenaŭ unu el la jenaj demandoj:

1. Kio instigas vin aŭskulti la E-elsendojn de Pola Radio, kaj kian signifon ili havas por vi?
2. Kion vi opinias pri la rolo kaj signifo de la E-elsendoj de Varsovio en la tempo de grandaj politikaj kaj ekonomiaj ŝanĝoj en Eŭropo kaj strebado al partnereca, paca kunlaboro sur nia kontinento?
3. Kiagrade la E-elsendoj de Pola Radio — fone de viaj nacilingvaj amaskomunikiloj — proksimigas al vi la bildon de Pollando?

Inter la lotumotaj premioj estas sonkasedoj, E-libroj, popolartaĵoj ktp. La redakcio volonte akceptos eldonaĵojn de E-firmaoj kiel disdonotajn premiojn.

*Junularo:*

# Al ĉiela plejkomfortejo!

Kiaj kulturoj enmonde ekzistas? Kiel homoj esprimas amon kaj estimon? Ĉu tradicia kulturo kunligendas al la moderna? Tiaj demandoj elvolviĝos el la konciza vortumo “Kia popolo, tia kulturo”, la temo de la 50-a Internacia Junulara Kongreso, okazonta de la 30-a de julio ĝis la 6-a de aŭgusto en Ch’onan.

La IJK enhavos la 13-an Komunan E-Seminarion de japanaj kaj koreaj junuloj — kun la bonvenega aldona ĉeesto de neazianoj. Krom seriozaj diskutoj, ofertiĝos marborda ekskurso, vizito al historia memorloko, surprize interesaj koreaj popolludoj, “Mini-olimpikoj”. . . Vidindaĵoj abundas ankaŭ en la “ĉiela plejkomfortejo” — tion signifas la nomo de Ch’onan, urbo 100 km-ojn sude de Seulo. LKK organizos post la UK karavanan busveturon.

LKK: 50-a IJK, C.P.O. Kesto 7998, Seulo 100-679, Korea Resp. Tel.: +82/2/614-57-84; faks. /614-57-85.

KIM Kiwon (LKK-sekretario)

*Politiko:*

# Radikaluloj ĉe ano de Eŭropa Komisiono

Prof. Antonio Ruberti, ano de Eŭropa Komisiono, akceptis la 7-an de januaro en Bruselo delegitaron de la Radikala Partio, kiu konsistis el Olivier Dupuis, prezidanto de la Ĝenerala Konsilio de RP, Giorgio Pagano, respondeculo pri la RP-kampanjo por la rajto je internacia lingvo, kaj Giovanni Martinetto, kunlaboranto de Eŭropa Esperanto-Unio. La delegitaro ĝisdate informis Ruberti pri la stato de la kampanjo kaj prezentis al li serion da proponoj rilate la demandon pri lingva komunikado en la konstruado de Eŭropo.

Koncerne al la novaj programoj de instruado kaj trejnado pretigitaj de lia oficejo, Ruberti deklaris sin preta subteni efektivigon de profundigaj esploroj, modelprojektoj kaj eksperimentadoj. Pri la propono de la RP-delegitoj ke oni donu efektivan povon al la Eŭropa Unio en la kampo de lingva edukado, li tamen opiniis ke en la nuna momento de retiriĝo al naciaj pozicioj ĝi estas malmulte realigebla.

Dankinte lin, la radikala delegitaro antaŭanoncis la prezenton de amendoj ĉe la diversaj kompetentaj forumoj (Eŭropaj Konsilio kaj Parlamento, Komitato de la Regionoj) pri la programoj ellaboritaj de la Eŭropa Komisiono.

Por informi pri la menciita kampanjo kaj pri la iniciatoj de RP pri E-o ĝenerale, RP lanĉis en januaro la semajnan bultenon *Translimen!*, en pluraj lingvoj, ĉiam kun paralela teksto en E-o. Kiu deziras senpage ricevi ĝin, skribu al: “Esperanto” Radikala Asocio, Via di Torre Argentina 76, IT-00186 Roma, Italio. Fakso: +39/6/68-80-53-96.

**laŭ gazetaraj komunikoj de la Radikala Partio**

*Zamenhof-tago:*

# Festado de Argentino ĝis Vjetnamio

***Inter la jarkomencaj poŝtaĵoj kiujn ni ricevas, ĉiujare multaj raportas pri plej diversaj aranĝoj kaj okazaĵoj Zamenhof-tagaj. Ne nur pri la tradiciaj klubkunvenoj solenaj — ankaŭ pri inaŭguroj, koncertoj, gazet-artikoloj, bankedoj kaj regaloj. Mankas loko por ĉiuj raportoj en la rubriko "Loke". Tial permesu ke ni gvidu vin tra la tutmonda Zamenhof-festado per aparta dupaĝa vojaĝo, vizitante 15 landojn. (Ĉiuj datoj menciitaj estas decembraj.)***

**Argentino**

Radio Universidad en Córdoba la 12-an intervjuis Hermínia K. Fernández, prezidantinon de Kordoba E-Asocio. En Mar del Plata, okaze de la solena malfermo de la turista sezono, la 18-an estis inaŭgurita memortabulo, kiu flankas Zamenhof-buston starigitan en 1988.

**Bjelorusio**

Ĉe la Minska bahaa centro, la 14-an, Adam Pavlukovec (aŭtoro de la unua bjelorusa E-lernolibro) prelegis pri la vivo kaj verkoj de Zamenhof, kaj laŭtlegis Zamenhof-poemojn en Esperanto, ruse kaj bjeloruse. Alla Fridman kaj li recitis ankaŭ proprajn E-poemojn. La 16-an la junulara ĵurnalo *Ĉirvonaja zmjena* publikigis grandan artikolon pri E-o. (A. Pavlukovec)

**Belgio**

Ĉe la Brusela grupo koncertis Kajto. En pluraj belgaj kluboj gastis geedzoj Fornal (Pollando), li aktoro kaj ŝi historiisto, Zamenhof-specialisto. Kalmthout kaj Bruĝo lokis la atenton de komunikiloj sur E-on per omaĝo al siaj respektivaj Honoraj Membroj de UEA, Edward Symoens kaj Grégoire Maertens. Ankaŭ festo de internaciaj paroj en Bruĝo eĥis en la gazetaro. (*Vertikale*)

**Ĉinio**

La 12-an okazis la deka Hubei-a kongreso de E-o en Vuhano, unu el la lulil oj de la ĉina movado, kie la Zamenhof-tago estis seninterrompe solenata eĉ en la plej malfacilaj tempoj. La Hubei-a E-Asocio, fondita en 1979, estis la unua provinc-nivela asocio en Ĉinio. Nun preskaŭ ĉiu ĉina provinco havas sian asocion. (Yang Chungkun)

**Hispanio**

Hispana E-Fervojista Asocio organizis feston proksime al Barcelono, en Premia de Mar, kie ĉi-okaze oni inaŭguris placon Esperanto.

**Italio**

La grupo en Massa memorfestis Zamenhof per distribuo de floroj al la loĝantoj de strato Esperanto kaj per prelego de d-rino Olga Raffo Maggini pri la lasta libro de Umberto Eco.

**Kroatio**

Kroata Esperanto-Unuiĝo memorfestis en Zagrebo, la 11-an, ankaŭ la fondiĝon de la unua Zagreba E-Socio antaŭ 85 jaroj. Oni proklamis la rezultojn de la beletra konkurso Ivo Rotkvić: el la 10 kandidatoj en 5 branĉoj, premiiĝis i.a. Nevenka Tomić (Makedonio, prozo kaj poezio) kaj Manuel de Seabra (Katalunio, poezio).

Samdate kaj samurbe Vida Jerman festis raran movadan jubileon: du jardekojn da aktorado en E-o. Post debuto en la Sarajeva IJK (1973), ŝi prezentis plurajn poeziajn programojn kaj monodramojn en UK-oj kaj aliaj aranĝoj. Laste ŝi premieris per la teatraĵo *Inventante ke mi sonĝas* de la meksika José Agustín.

En Osijek oni prezentis eldonaĵon de la loka societo, *Rakontoj el Vukovar* de Siniša Glavašević (tr. Julija Rusić).

**Nederlando**

Malgraŭ riĉa programo kaj alparolo de skabeno pri kulturo, kunorganizinto Jan Menage ne kontentas pri la Zamenhof-tago en Hoorn: tial ke pluraj lokaj gazetoj ne aŭ malfrue informis pri la evento, "venis malmulte da vizitantoj. Eĉ unu el ili malpropagandis. Li estas adepto de Novial aŭ Volapük. Per ĉi tiaj malpropagandistoj ni perdos membrojn anstataŭ disvastiĝi." (*La Fromaĝokloŝo*)

**Nederlando – Niĝerio**

La 78-jara Els Kervers estas inter la plej agemaj e-istoj de Nederlando. Kadre de la afrika agado de UEA, ŝi instruadis E-on al centoj da gejunuloj en Owerri (Niĝerio). La 5-an ŝi ricevis neatenditan pakaĵon el Niĝerio . . .

"Kiu povis sendi al mi tiel pezan pakaĵon? La poŝtotarifoj en la komenco de 1993 ja kreskis 20-oble! Temis pri junulo kiu fakte fariĝis membro de nia familio, kiam ni vizitis Niĝerion antaŭ 2 jaroj." Enestis kvin tradiciaj kostumoj memfaritaj kaj du vidbendoj pri la igboa kulturo. "Mi ĝojas ke montriĝis denove: ne ĉiu afrikano nur petadas kaj postuladas, sed multaj el ili alte taksas nian helpon".



**Pollando**

La 50 kunvenintoj dum la E-Tagoj de Krakovo (10-12.) povis partopreni poezian diskutrondon de Maria Majerczak, lingvistikan seminarion de Antoni Golonka, pacifisman konferencon sub la gvido de Marek Warmuz, rigardi filatelan ekspozicion, ĝui la monodramon *La falanto*, kiun ludis Jadwiga Gibczyńska (ĉi-supre), aŭ la koncertojn de la ensemblo Kamea kaj de Jadwiga Dzięgielewska. (A. Sochacki)

## Portugalio

La 18-an Miguel Faria de Bastos, prezidanto de Portugala E-Asocio, inaŭguris aranĝon antaŭ 50-kapa publiko. La infana ensemblo GAGO (Gebuba Aktora Grupo) ludis skeĉojn de Bastos. Alcino Alves deklamis el *La Luzidoj*, kaj Gonçalo Neves prezentis sian tradukon de la longa poemo "Tabakistejo" de Fernando Pessoa, kun akompana mimado de Franco Simões. Fine tri gitaristoj kaj tri kantistoj ludis faduojn (*fados*, tipa portugala kanto), inter ili la baritona Faria de Bastos en Esperanto.

La eventon kronis kolokvo pri "Lingva politiko en la Eŭropa Unio. Kia estonteco?" en la Lisbona palaco Foz (kiun la ĉefministro uzas por gazetar-konferencoj). Ĉe la podia tablo sidis la PEA-prezidanto kaj tri invititaj geprofesoroj el Lisbona Beletra Fakultato: debatestro José Pinto de Lima (ĝermanisto), Fernando Cristóvão (latinidisto) kaj Júlia Ferreira (angl-usonisto). Cristóvão rivelis sian subtenon al E-o kiel ĝenerala komunikilo, sed ne kiel vehikla lingvo en EU aŭ tutmonde. Faria de Bastos trafe kaj sobre argumentis por E-o kiel taŭga ilo ambaŭrole. Pinto de Lima prognozis ke E-o, iĝinte hegemonia, probable minacus la minorajn kulturojn kaj lingvojn samdraste kiel la plej potencaj lingvoj nuntempaj. Sume, la geprofesoroj montris apenaŭan konon pri la temo kaj transliman subjektivemon, sed ne malsimpatiis al E-o. (G. Neves)

## Slovakio

54 "kunkurintoj" el Aŭstrio, Ĉeĥio, Hungario kaj Slovakio inaŭguris dum la 2-a AEROB (Antaŭkristnaska E-Renkontiĝo en Bratislavo, 11-12.) la novajn ejojn de Slovaka E-Asocio (vd. jan., p. 18). La 90-jara Alžbeta Mahrová transdonis flagon de la unua Bratislava klubo (fondita en 1908).

István Gether (Hungario) prelege pentris la avantaĝojn de monprofita aktivado per E-o. Elizabeth Diaz (Kubo) kun siaj geamikoj donis muzikan programon, kun poeziaj intermezoj de Alica Komlóšiová. Magda Šaturová rememoris Zamenhof. Helena Šerešová rakontis pri Valenciaj UK-impresoj kaj pri iberiaj E-verkistoj. En kvardekopa ekumena kunveno oni menciis ke la slovaka sekcio de Internacia Katolika Unuiĝo E-ista estis akceptita per dekreto de la Konferenco de episkopoj de Slovakio kiel laika movado, kaj ĝi ricevis apartan benon de kardinalo Ján Korec. (*E-isto Slovaka*)

## Togolando

La 18-an "palmbranĉoj ĉirkaŭvindis framon de la pordaĉo forestanta" en la elementa lernejo de la vilaĝo Sigbehoue, raportas verkisto Gbeglo Koffi. (Pri Sigbehoue kaj tieaj korespondemuloj vd. okt., p. 178.) "Nigra veturilo parkiĝis sub arbo: ĝin la prefekto de la regiono, KPADE Koffi Eric, disponigis por transporti e-istojn."

"80 e-istoj kaj aliaj personoj ĝojegis pro la naskiĝdatreveno de Zamenhof." La prezidanto de Unuiĝo Togolanda por E-o, ATTIOGBE-AGBEMADON Mensah, parolis pri la historia celado de Zamenhof. La vilaĝestro, s-ro Combey, laŭdis la pacideon de E-o, preferante tiun lingvon al la germana, angla kaj franca, altruditaj al togolandanoj. Prefekto Kpade "trovis ke la demokratio, kiun afrikaj politikistoj malbone komprenas, fartas bonege inter e-istoj." Li deklaris sin membro de UTE kaj promesis lerni E-on por uzi ĝin en sia familio. La vicprezidanto de UTE, HOUNNAKE Raoul, klarigis pri hilelismo. Respondeculoj de kluboj kaj estraranoj de UTE interkonsiliĝis. Fine, "la vera ĝojtempo estis la manĝo: porkaĵon, rizon, legomojn, kokaĵon kaj bulojn maizfarunajn muelis dentoj de la festantoj, kiuj ankaŭ sorbis bieron kaj sukojn."

## Ukrainio

La 15-an ĵurnalo en Ternopil enhavis artikolon pri Zamenhof kun ukrainaj tradukoj de tri liaj poemoj. Regiona televidkompanio elsendis raporton pri la tiutagaj E-solenaĵoj. (V. Pajuk)




## Vjetnamio

La 9-an Vjetnama Pacdefenda E-ista Asocio festis en Hanojo la 37-an datrevenon de sia fondiĝo. La nova prezidanto de VPEA, poeto BUI Hanh Can, prezentis sin kiel e-iston ekde 1936. VPEA-sekretario Dang Dinh Dam prelegis emociige pri la Bulonja parolado de Zamenhof kaj disdonis sian tradukon el ĝi. Oni parolis pri planoj propagandi lige al la Seula UK — simile al jama sukceso, la 20-an de sept. kaj la 4-an de okt., kiam la nacia radio po dufoje elsendis du artikolojn de Dang Dinh Dam, pri la Valencia UK kaj pri la 40-a Jubileo de Mondpaca E-Movado. (Dang Dinh Dam)

La 15-an E-Asocio de urbo Hô Chí Minh omaĝis siajn Honorajn UEA-Membrojn Nguyen Minh Kinh (sidas dekstre) kaj Nguyen Hai Trung (sidas maldekstre). Fakdelegito NGO Chan Ly (staras sub la vorto *UEA*) klarigis "Kio estas UEA?" kaj ekspoziciis librojn senditajn de Azia Fondaĵo de UEA, KUMAKI Hideo kaj Stefan MacGill.

NGO Chan Ly fondis "E-Kulturo-Turisman Fakon" (ĉe Cultourist, 01 Cao Thang - Q. 3 - TP. Hô Chí Minh; tel. +84/8/223-605; faks. /334-601), kiu helpas e-istojn viziti Vjetnamion.

*Instruado:*

# Semestroj svedaj kaj eŭropaj

La Karlskoga Popola Altlernejo okazigas somerajn E-kursojn ekde 1987 kaj havas propran E-fakon ekde 1988. En Karlskoga estis aranĝita la sveda kongreso en 1990 kaj la IJK en 1991. Specialaĵo de la altlernejo estas la oksemajnaj kursoj, ĉiujare unu por komencantoj kaj unu daŭriga, kiun eksterlandanoj rajtas ĉeesti ankaŭ partotempe (kaj pagi proporcie). El ne malpli ol 25 landoj jam venis homoj al Karlskoga por lerni E-on.

En la last-aŭtuna semestro 14 studantoj partoprenis en la kurso por komencantoj kaj 18 en la daŭriga kurso. Ĉiuj studis 23 lecionojn semajne. Instruis Lars Forsman (la gvidanto de la E-Fako de la lernejo), Elo Charles Fuakvanzo (Zairio) kaj Tatjana Rudakova (Moskvo). Dum la studsemestro vizitis por prelegi Rein Saag (Estonio), Harald Brown (Anglio), Puff Östling (Svedio), kaj — la 15-an de decembro — Ĵomart kaj Nataŝa, kiuj bele kaj ĉarme kantis ruse kaj Esperante.

En 1993 la Altlernejo lanĉis novspecan, naŭmonatan "Eŭropo-kurson" (vd. ankaŭ junio 1993, p. 118), en kiu nun studas 10 gejunuloj, en tri lingvoj: la sveda, angla kaj Esperanto. En la unua semestro ili intense lernis E-on, 8 lecionojn semajne, por povi legi dum la dua semestro artikolojn pri Eŭropo el la E-gazetaro. Eble la grupo printempe faros per-Esperantan studvojaĝon al iu eŭropa ĉefurbo. Ili ankaŭ ekstudos la francan — estos interese vidi kiel rapide ili ĝin lernos surbaze de siaj E-scioj.

Posttagmeze aŭ vespere multaj studantoj el aliaj fakoj de la lernejo ekstudis E-on. Oni vidas kiel facile estas logi al studado pri Esperanto, se oni nur havas instruistojn. La E-kursanoj estas tre popularaj, ĉar ili facile konatiĝas kaj helpas al rifuĝintoj enlerneje. Multaj festetoj dum la semestro estis aranĝitaj per E-o.

La datoj por 1994: Inter la 13-a kaj 18-a de junio disvolviĝos kvinnivela kursaro, i.a. speciala kurso por lingvoinstruistoj sen E-scio, komplete en Esperanto. Eksterlandanoj bonvenas por vere internaciigi la semajnon! La oksemajnaj kursoj okazos inter la 22-a de aŭg. kaj 14-a de okt. (komencantoj), resp. la 24-a de okt. kaj la 20-a de dec. (progresantoj).

**Lars Forsman (Svedio)**

# Oficiala agnosko en Irano

En letero al ĉiuj fakultatoj de la irana Nacia Universitato Beheŝti (vd. okt., p. 166), ties instrua vic-prezidanto, prof. d-ro Ahmad Ŝah-verani, skribis la 9-an de januaro:

"Konsiderante ke la lingvo Esperanto apartenas al neniu nacio, sed estas internacia, eĉ supernacia, ege konvena por sciencaj interrilatoj, oni prave atendas ke ĝi baldaŭ povus trovi apartan lokon en sciencaj medioj kiel la dua lingvo; [...]

tial nia oficejo rekomendas ke Esperanto, kiel nova instru-unuo, estu inter la laŭelektaj instru-unuoj de la studentoj dum la licencia periodo. Kompreneble, se temus pri disponigo de instruistoj por la lingvo, nia oficejo kunlaborus laŭ sia pleja povo."

Laŭ komento de d-ro M.H. Saheb-Zamani, kiu ekde 1992 gvidas sukcesajn E-kursojn en tiu universitato, temas pri "la unua favore oficiala agnosko de Esperanto en Irano post 19-jara pribatalo senhalta", en periodo kiam okazis "turmentoplena reĝimŝanĝo kaŭze de la islama revolucio" (1979) kaj la irak-irana milito (1980-88).

*Eksteraj rilatoj:*

# Preparoj por la Familia Jaro

La preparoj por la UEA-simpozio "Internacia familio — utopio aŭ realeco?", okazonta en Graz (Aŭstrio) inter la 7-a kaj 10-a de julio (vd. nov., p. 188), bone progresas. Dum la lanĉkonferenco de Internacia Jaro de Familio (IJF) por neregistaraj organizaĵoj en rilatoj kun UN, fine de novembro en Malto, Carmen Mallia reprezentis UEA kaj distribuis informilon pri la simpozio. Hans Michael Maitzen, J. Reinvart kaj Zlatko Tišljar, delegitoj de la UEA-komisiono pri IJF, vizitis la 13-an de dec. en Vieno d-ron Henryk J. Sokalski, direktoron de la UN-sekretariato por IJF. Oni interkonsentis ke la seminario okazos kunlabore kun la sekretariato kaj ke UN reklamos la aranĝon en siaj publikaĵoj. Fakte, ĝi estas la sola internacia okazaĵo en Aŭstrio, krom la IJF-ĉefkonferenco en Vieno, kiu troviĝas en la kalendaro de UN. Unesko-subvencio por la seminario estis petita nome de la aŭstria ŝtato, kun la subteno de Pollando kaj Slovenio (vd. dec., p. 202).

La simpozio okazos en seminariejo "Marien Exerzizienhaus" en Graz, kun samlokaj konferencejo, seminariaj klasoj, restoracio kaj dormĉambroj. Pluajn informojn ĉe la Organiza Komitato (Interkulturo, SI-62000 Maribor, Kočevarjeva 12, Slovenio; tel./faks. +386/62/221-371). Aliĝo ĝis la fino de marto kostas 40, poste 60 gld.; tranoktado inter 115 kaj 210 gld.

**Zlatko Tišljar**

## Ĉu vi jam rekotizis por 1994?

Frua pago certigas la kontinuecon en la ricevado de ĉi tiu revuo. Krome, ĝi helpas la laboron de la Centra Oficejo kaj ŝparas monon al UEA. Kiam vi pagas vian propran kotizon, memoru tiujn milojn da nepagipovuloj kaj kontribuu sumeton al Fondaĵo Canuto. Antaŭdankon!

# Recenzoj



## Tendenca internacieco

**Vojaĝo tra la landoj.** André Albault. Saarbrücken: Iltis, 1991. 195p. 21cm. 40,80 gld.

**Mult-lingva glosaro pri land-nomoj.** André Albault. Komplemento al *Vojaĝo tra la landoj*. Saarbrücken: Iltis, 1991. 124p. 21cm. 33,60 gld.

Ĉiu serioza esperantisto, eĉ se ne speciale sentema pri lingvaj aferoj, certe scias ke ĉi tiu revuo (aŭ la Jarlibro, se vi volas) kaj la magazino *Monato* (aŭ ties poŝkalendaro *La Jaro*) nomas kelkajn landojn malsammaniere. En *Monato* oni skribas *Meksiko*, dum UEA parolas pri *Meksikio*. [Ankaŭ ni jam uzas *Meksiko*, pro peto de tiulandaj e-istoj. –*Red*.] Lingve atentemaj homoj eble scias ke la Akademio multe diskutis pri landnomoj kaj publikigis dokumentojn, kaj interalie ĝi rekomendas la vorton *Koreo* kiel landnomon (vd. *Aktoj de la Akademio III*, p. 61-62). Dume la koreaj esperantistoj ankoraŭ nomas sin kutime *koreoj* kaj sian landon *Koreio*. Evidente iu ajn rigardos tiun situacion ne kiel signon de la lingva riĉeco de Esperanto, sed male kiel senutilan konfuzon.

D-ro Albault, nuna prezidanto de la Akademio de Esperanto, jam antaŭe trovis en la landnoma problemo danĝeron por la lingvo. Elekto inter la sufiksoj *-uj-* kaj *-i-* estas unu aspekto de la afero forte diskutata dum kelka tempo, sed por li ne malpli grava estas la elekto de formo kaj signifo de donita radiko. Li do esploris la temon el historia vidpunkto por klarigi la kaŭzon, formis sian proponon kaj publikigis la rezulton en la formo de du libroj: *Vojaĝo tra la landoj* kaj *Mult-lingva glosaro pri land-nomoj*. La manuskriptoj estis pretaj jam en la mezo de la 70-aj jaroj, sed restis nepublikigitaj pro la kolapso de la planita eldonejo. La libroj do markas antaŭan etapon de esplorado flanke de la aŭtoro, kiu poste multe influis la diskuton en la Akademio.

La unua libro estas esence priskribo de la historio de ideoj, debatoj kaj realaj uzadoj koncerne landnomojn de la epoko de Pra-Esperanto ĝis la 70-aj jaroj, kvankam ne mankas referencoj al postaj verkoj. Profunda studado de diversaj materialoj, ofte nur malfacile alireblaj, estas videbla en ĉiu paĝo kaj fascinigas la legadon. Ankaŭ spekulativaj observoj elvokas intereson. Ekzemple, en la Fundamento de Esperanto la klarigo de la sufikso *-uj-* estas ilustrita per *cigarujo*, *pomujo*, *Turkujo*. Oni emas preteratenti, sed la sagaca studanto de la Fundamento ne povas ne miri: kial ĝuste *Turkujo*? Albault provas doni respondon.




Laŭ la aŭtoro, la nuna kaosa stato de la landnomoj do estas rezulto de la historio: diversaj homoj aplikis al specifaj landnomoj diversajn principojn arbitre en diversaj tempoj. La aŭtoro kritikas la aferon, kaj proponas pli racian solvon, bazitan sur la principo de la internacieco de la formo kaj signifo de la radiko. Sed li miksas siajn komentojn pri specifaj landnomoj en la historian priskribon, tiel ke ekzemple lia opinio pri *Koreo* aperas sur p. 52, kie temas ĉefe pri la etnografia principo de Zamenhof. Kvankam pravigebla, ĉi tio malfaciligas postan konsulton de la libro. Landnoma indekso multe pliutiligus la libron.

La dua libro, komplemento de la unua, servas por la aŭtoro kiel materialo por formi tian racian solvon kaj devas samtempe konvinki la leganton pri lia praveco. Ĝia ĉefa parto konsistas el 93 tabeloj de landnomoj, po unu paĝo por unu lando, en 47 lingvoj. Ideale la legantoj povus multe profiti el la sisteme ordigitaj valoraj informoj. Sed la strukturo de la tabeloj estas ekstreme malfacila por plene kompreni, pro diversaj kialoj. Unue, la landnomoj estas prezentitaj laŭ unika "skemo": en plej ekstrema kazo, sur la paĝo por *Japono* oni trovas rubrikon *Xypwn-*, sub kiu klasigitaj estas formoj kiel Fr. *Japon* kaj A. *Japan*. Nu, nur du paĝoj en ĉi tiu libro klarigas la skemon. Due, egale unikaj "grafemikaj transliterigoj" estas adoptitaj interalie por ciril-alfabetaj lingvoj, tiel ke la litero *u* reprezentas la cirilan literon kun tipa prononco *i*. Teorie tio ne gravas, ĉar temas pri interrespondo de unu kontraŭ unu. Sed nenie en ĉi tiu libro troviĝas kompara tabelo de la originala alfabeto kaj lia transliteriga sistemo!

Krome leviĝas kelkaj demandoj. Kiel la 93 landoj estis elektitaj? Ĉu Manĉurio indas diskuton? Kaj multe pli grave, kia estis la kriterio por elekti la 47 lingvojn kiel sondilojn de internacieco? Kial la reto-romanĉa enviciĝas ĉi tie, dum multaj lingvoj kun centoble multe da parolantoj ne? Oni povus suspekti ke la principo de internacieco, sur kiu la aŭtoro bazas sin, estas fakte tendenca.

La koncepto de internacieco sonas bele. Sed tio ne estas la sola ebla principo por racio. La kohereco de Esperanta vortofarado estas alia grava principo: se *-i-* estas Esperanta sufikso (kion cetere oni povas malaprobi), ĝi devas esti aplikebla al iu ajn radiko, kondiĉe ke tio havas signifon, senkonsidere ĉu la kunmetaĵo havas apogon en aliaj lingvoj. Alia ebla principo estas respekti la volon de la koncernaj popoloj. Ĉu justas trudi nevolatan nomon?

Krome la homoj ne ĉiam agas racie. Kiel la bedaŭrata s-ro Waringhien rimarkas en la antaŭparolo, kutimo kaj naciismo ludas ĉi tie tre grandan rolon. Prenu ekzemplon. Laŭ la donitaj informoj oni povas argumenti ke formi la landnomon *Francio* el la popolnomo *franco* ne estas internacie (kontraŭe al la aserto trovebla en la supre citita dokumento de la Akademio pri *Koreo*). Se la aŭtoro povis proponi la nomon *Britanio*, li same povintus proponi la formojn *Franso/fransano*.

GOTOO Hitosi (Japanio)

## Nature arta plezuro

**Arto kaj naturo.** Reto Rossetti. Budapest: HEA, 1989. 126p. 24cm. 27,00 gld.

Recenzi verkon de klasikulo implicas samtempe plezuron kaj riskon. Ĝi estas plezuro, ĉar la aŭtornomo egalas al garantio pro la jamaj verkoj, sed ankaŭ risko, ĉar oni timas kvalitsobiron ĉe ĉiu nova verko. Feliĉe, Rossetti montriĝas tre kvalit-regula aŭtoro, ĉar li eble ne abunde verkis, tamen ĉiam altnivele.

Sur bela kovrilo — tre malofta trajto ĉe HEA-eldonaĵoj — sidas titolo loga, sed misgvida. La kutimo titoli tutan esearon (aŭ rakontaron, aŭ poemaron . . .) per la titolo de unu el ĝiaj eroj riskas erarigi la leganton pri la enhavo. Pli konvenus surkovrila titolo kia *Ese(et)oj* aŭ *Kolektitaj artikoloj*, ĉar ja nenie oni klarigas ke temas plejparte pri dise aperintaj artikoloj, do pri mikspoto. Alia riproĉeto: oni bedaŭras ke la aŭtoro ne pli profunde pritraktas kelkajn temojn: oni ja volonte legus pli — kvankam tio eble signifas ke li trafis sian celon, nome, kapti la intereson de la leganto.

La enhavo buntas, kvankam ĝenerale humuro kaj sprito regas. La aŭtoro ekesploras la humur-mekanismojn kaj -rimedojn (ekz., per absurdo), kiuj laŭ li ne ĉiam samas por ĉiuj popoloj. Rossetti ofte ligas humuron al literaturo, ekz., li studas malfacile tradukeblajn vortludojn en la Zamenhofa versio de *Hamleto*, aŭ klarigas kial kaj kiel Zamenhof povis libere ŝerci kaj spriti en siaj originalaj verkoj sen lezo al sia publika rolo. En aliaj priliteraturaj artikoloj, la aŭtoro pritraktas same Bajronon kiel Ŝekspiron, aŭ libere kaj suverene recenzas la robaiojn de U. Kajjam sub la Esperanta vesto de G. Waringhien, la superban *Sisteme Ordigita Vortaro* de M. Mariano aŭ la *Serta* honore al nia karmemora J. Régulo. Aparte plaĉas la tradraŝa recenzo al la elcerbigaĵo de B. Clark *Kien la poezio?*.

Kompreneble, ankaŭ pure lingvaj aferoj aperas en la pelmela *Arto kaj naturo*: studeto pri *po*, klarigo pri kelkaj poetaj artifikoj, kaj ideodisŝuto pri la formiĝo de la Esperanta stilo kun koncizaj konsiloj.

Pedagogio, psikologio kaj instruado plenigas plurajn eseetojn. Pri instruado ni legas sur p. 24: "la unua kaj nepra kvalito de instruisto estas persona intereso, kaj la dua kvalito estas lia (aŭ ŝia) kapablo kateni la atenton de la lernanto kaj komuniki al tiu sian fervoron". Ĝuste la du atutoj de R. Rossetti en *Arto kaj naturo*.

Ĉar mi ne volas tedi vin, jen skize pliaj temoj en ĉi tiu verko: patriotismo, eksperimentoj pri beboj, spritaj teorioj pri vir-ĉapeloj kaj virinhararoj, limerikoj, inismo — kaj la juvelo en la libro: *La eternaj angloj*, ironia, suk-plena, mordeta satiro pri la angla popolo. Ĉe tia delico, mi bedaŭregis nur ke Rossetti estas skoto kaj ne portugalo aŭ kataluno verkunta pri *La eternaj hispanoj* . . .

Nu, Esperanto montriĝas plene plena lingvo tra la plumo de R. Rossetti. Ĝi fluas plej nature kaj bele pere de facila, tamen eleganta stilo; pluse, la enhavo elradias simpation kaj emon plaĉi. Domaĝe ke tian plezuron oni malofte spertas, negrave kiom multe oni legas nialingve, ĉu ne?

**Antonio Valén (Hispanio)**

## Pri lingva ŝanĝigo

**Sprachwandel bei einer Plansprache am Beispiel des Esperanto** (Lingvoŝanĝigo en planlingvo per ekzemplo de Esperanto). Benoît Philippe. Konstanz: Hartung-Gorre, 1991. 362p. 21cm. 90,00 gld.

Al la ankoraŭ maloftaj doktoriĝaj disertacioj pri Esperanto (tamen komparu la bibliografion de Symoens, vd. dec. 1989, p. 211), aldoniĝas la recenzata verko pri lingvo-ŝanĝiĝo (aŭ -evoluo, kio povas sed ne devas esti la sama afero).

Post enkonduko pri lingvoplanado (artefariteco), planlingvoj kaj la rolo de Esperanto inter ili, la aŭtoro skize prezentas Esperanton (estiĝo, prononco, morfologio, lingvofilozofio de Zamenhof) kaj pritraktas aktualajn direktojn de ĝia lingva kulturo. Sekvas prezento de la faktoroj kiuj efikas por aŭ kontraŭ lingva ŝanĝiĝo aŭ zorgas por ekvilibra evoluo de la lingvo.

La aŭtoro prezentas multajn ekzemplojn, kiuj laŭ li estas pruvoj por okazinta lingva ŝanĝiĝo en fonetiko/fonologio, leksiko, morfologio, sintakso kaj semantiko. Tia esploro estas de baza lingvostrategia graveco por Esperanto. Ja estas ege grave por ni ekscii en kiu direkto evoluis/ŝanĝiĝis Esperanto, ĉu laŭfundamente aŭ (kiel predikas Ŝulco) kontraŭfundamente, kaj ĉu estus eble kaj dezirinde konscie influi la evoluon, kaj se jes, kiudirekte . . .

Philippe ne povas respondi tiujn sendube ege komplikajn demandojn, sed lia verko helpas serĉi plu. Bedaŭrinde li malsufiĉe utiligas la interlingvistikajn kaj esperantologiajn verkojn ja cititajn en lia literatura listo. Ekz. la priplanlingva enkonduko (p. 1-14) estas enhave tre magra. Tripaĝa tabela "historio" de la Esperanto-movado (p. 14-16) ne respondas al la graveco de la Esperanta lingvokomunumo por la evoluo de ĝia lingvo. Tro ofte en la libro troveblas asertoj, iuj nur parte ĝustaj, aliaj evidente malĝustaj aŭ dubindaj, ĉiuj nepruvitaj aŭ ne per fontoj subtenataj (ekz. pri instruekspermento en Ĉinio, p. 13; ke ĉirkaŭ Bydgoszcz troviĝas la plej grandnombra e-istaro proporcie al la tuta loĝantaro, p. 85). Aparte malfacile estas ekscii kiel Esperanto finfine *vere* evoluis/ŝanĝiĝis. La aŭtoro donas multege da ekzemploj, sed apenaŭ precizajn kaj fidindajn fontojn, ofte indikas kiel "pruvojn" por lingva ŝanĝiĝo pure individuismajn inventojn (kaj denove sen fontindikoj!) kiuj tute ne aŭ nur en elitismaj rondoj akceptiĝis aŭ almenaŭ meritas tre zorgeman pesadon laŭ stilaj ebenoj, lingvaj tavoloj kaj ĝenerala uzateco. Mankas ankaŭ indeksoj.

Do, por interlingvisto/esperantologo la verko estas valora kaj uzebla nur kun kritika rigardo. Por esperantologie nekleraj, kaj pro tio ja "nefakaj", profesiaj lingvistoj la studo ne estas tre fidinda, kvankam ja grava atentigo pri tio ke la internacia lingvo estas vera lingvo kiu evoluas kaj ŝanĝiĝas. Kaj en tio estas la ĉefa merito de la disertacio, direktita unuavice al germanlingvaj lingvistoj.

**Detlev Blanke (Germanio)**

# Laste aperis...



**Afliktitaj gepatroj, La. Käthe Kollwitz en Flandrio.** Raf Seys. El la nederlanda trad. Raymond Wylleman. Oostende: La Konko, 1993. 72p. 21cm. Ilus. Fotoj. Pri la germana skulptistino K. Kollwitz (1867-1945), kies filo militpereis en 1914. 18,60 gld.

**Almanako Lorenz 1994.** Rio de Janeiro: SES F.V. Lorenz, 1994. 143p. 21cm. Artikoloj, eseoj kaj poemoj plejparte spiritismaj. 8,10 gld.

**Amkantoj. Cants d'amor.** Ausias March (1397-1459). El la kataluna trad. Abel Montagut. València: Generalitat Valenciana, 1993. 147p. ISBN 84-482-0230-9. 24cm. Dulingva: E-kataluna. 60 poemoj (duono de la verkaro) de ĉefa poeto kataluna. 18,90 gld.




**D-ro Esperanto, la homo plena de espero.** Hanna Zamenhof-Zaruski (1953). El la angla trad. Senjo Umeda. Tokio: Internacia Kultura Laborejo, 1993. 21p. 21cm. Ilus. Rakonto pri Zamenhof por geknaboj. 10,20 gld.

**Economie – Finance – Monnaie. Glosaro de la Komisiono de la Eŭropaj Komunumoj. 1985.** Trad. F.J. Braun k.a. IKEF, 1992. 64+10p. 30cm. E-franca-angla. 1150 esprimoj. 19,20 gld.

**Esperanta kanzonaro.** Komp. Félix Navarro Clemente. Valencia: la aŭtoro, 1987. 75p. 23cm. 65 diversnaciaj kantoj kun muziknotoj kaj tekstoj. 7,50 gld.

**Esperanta telefaksaro. Tutmonda listo de esperantistaj telekopiil-posedantoj.** Komp. D.M. Weidmann. Zürich: Weidmann's Mondo-Servo, 1993. 24p. 21cm. 230 numeroj el 50 landoj, laŭ stato de jul. 1993. 5,40 gld.

**Esperanto – amo mia.** Maria Taŝeva (1926). Sofio: la aŭtoro, 1992. 23p. 21cm. Movadaj spertoj de aktiva e-istino. 4,20 gld.

**Esperanto. Eine Einführung in die moderne Umgangssprache.** Herbert Mayer. Wien: Pro Esperanto, 1993 (3-a eld.). 144p. ISBN 3-85182-012-6. 23cm. Baza kurso. 30,00 gld.

**Gerda malaperis! / vortlisto – wordlist.** Claude Piron. Berkeley: Bero, 1993. 26p. ISBN 1-882251-05-9. 22cm. Anglalingva vortlisto por instrua romaneto. 6,60 gld.

**Herbo de la Virgulino, La.** Jakez Riou (1899-1937). El la bretona trad. Frédéric Le Magadure. Brest: Liogan, 1993. 153p. ISBN 2-908463-10-5. 21cm. Ilus. Dek unu rakontoj pri kamparana kaj marista vivo. 18,30 gld.

**Knock.** Jules Romains (1885-1972). El la franca trad. Pierre Corret (1881-1936). Paris: UFE, 1993. 56p. ISSN 0775-7698. 21cm. Triakta satira komedio. 12,00 gld.

**Kompreni.** Gonçalo Neves (1964). Berkeley: Bero, 1993. 55p. ISBN 1-882251-07-5. 21cm. Naŭ rakontoj kun "persona stilo pli malpli ne komparebla kun alies stilo" (K. Piĉ). 10,80 gld.

**Le Plessis-Bourré kaj alĥemio. Le Plessis-Bourré et l'alchimie.** André Cherpillod. Courgenard: la aŭtoro, 1993. 40p. ISBN 2-906134-24-4. 21cm. Dulingva. Laŭ la tezo de la aŭtoro, alĥemiistoj efektive sukcesis transmutacii metalojn. 12,00 gld.

**Legendoj de Aŭstraliaj Aborigenoj. La Pratempo / Brolgo.** Komp. C.P. Mountford (1890-1977). Poemigis "Rickety Kate" (1898). El la angla trad. membroj de Aŭstralia E-Asocio. Brisbano: AEA, 1993. 52p. ISBN 0 646 14909 1. 21cm. 32 indiĝenaj legendoj proze kaj unu poeme. 10,20 gld.

**Lumu mil kandeloj.** Komp. Volframo Distelo (1969). Markkleeberg: la kompilinto, 1993. 20p. 21cm. 20 kantoj: tekstoj kaj muziknotoj. 5,40 gld.

**Majstro kaj Martinelli, La.** Georgo Kamaĉo (1966). Saarbrücken: Iltis, 1993. 28p. ISBN 3-927613-30-4. 21cm. Akra, humurplena satiro pri vaste konataj e-istoj. 12,00 gld.

**Nuda feino, La.** Leopold Vermeiren. El la nederlanda. Antwerpen: FEL, 1993. 108p. ISBN 90-71205-49-5. 21cm. Ok erotikaj rakontoj, laŭ la spirito de Boccaccio. 25,20 gld.

**Nun kune.** A. Lopez Luna. Buenos Aires: Amigos de Lopez Luna, 1993. 168p. ISBN 950-43-4478-X. 17cm. Tri rakontoj pri la batalo de la lumo kontraŭ la mallumo. 9,90 gld.

**Oomoto kaj Esperanto. Opinioj de Spiritaj Gvidantoj de Oomoto pri Esperanto.** El la japana trad. Maeda Ŝigeki. Kameoka: Oomoto, 1993. 32p. 21cm. 9,00 gld.

**Plej bone ridas kiu laste ridas.** Eddy Flego. El la itala trad. Pier Giorgio Soranzo. Trieste: TEA, 1993. 24p. 21cm. Sciencfikcia novelo. 13,20 gld.

**Plej granda fenestro, La.** Kiril Popov (1922). Sofio: BEA, 1992. 78p. 21cm. E-rememoroj kaj -pensoj de la BEA-prezidanto. 6,00 gld.

**Por kio ĉapelo?** Komp. Josef Murĵan (1920). Tel-Aviv: EII, 1993. 26p. 16cm. Kolekto de ducento da vortparoj kies signifon diferencigas nur supersigno. Kun hebrea traduko. 8,10 gld.

**Respubliko, La.** Platono. El la helena trad. Donald Broadribb. Matraville: Aŭstralia E-Asocio, 1993. 4+113p. ISBN 0 9595336 9 9. 30cm. La fonda verko de la okcidenta filozofio. 30,60 gld.




**Step by step in Esperanto.** Montagu C. Butler (1884-1970). El Cerrito: ELNA, 1991 (9-a eld.). 280p. 18cm. Bind. Kromkovrilo. Fama lernolibro, dividita en laŭgradajn sekciojn, ofte uzata kiel gramatika konsultlibro. 28,20 gld.

**Unu el ni.** William Auld (1924). Sofio: BEA, 1992. 62p. 21cm. Elekto de Hektor Alos. La poezia kremo de la aŭtoro. 6,00 gld.

**Vojo al revoj, La. Droga do marzeń / Le chemin des rêves.** Div. aŭtoroj. Komp. Grażyna Maszczyńska-Góra. Pola-franca-Esperanta. E-igis Lidia Ligęza. Kraków: Sponsor, 1993. 188p. ISBN 83-85846-03-4. 16cm. Antologio el poemoj de infanoj Freinet-metode edukataj. 8,70 gld.

**World language for one world, A.** John Roberts. Antaŭvortoj de John Wells. London: Association of World Federalists, 1993. 24p. 21cm. Prezento de la monda lingvo-problemo kaj de Esperanto kiel ĝia solvo. 5,70 gld.

**DIVERSAĴOJ**

**Komputila disketo: Vortoj en Esperanto.** Lawrence Mee (1922). Manchester: IEE, 1993. 3,5-cola. Programaro "ebliganta la uzon de IBM PC-kongruaj komputiloj por kaj Esperanto kaj la angla, sen ia ajn neceso por manipulado dum transiro de unu lingvo al la alia". 16,50 gld.

**MENDU ĈE LA LIBROSERVO DE UEA,** Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando. Bonvolu atenti ke al ĉiuj netaj prezoj de libroj sendotaj al adresoj en la Eŭropa Unio aldoniĝas 6%, al tiuj de diskoj, insignoj k.s. 17,5% pro la aldonvalora imposto. Al ĉiuj netaj prezoj aldoniĝas 10% por sendokostoj. Minimumaj sendokostoj estas 5 gld. Antaŭdankon pro via mendo!

# Foliume

### *Freqüències*: Nepropagande

Pri eks-Sovetio, Balkanio, Okcitanio, 1492, Islamo kaj Aragono temis la ĝisnunaj ses numeroj de la katalun-lingva *Freqüències* (Apt. 1163, ES-08300 Mataró), "revuo pri lingvoj kaj gentoj", lanĉita de Kataluna E-Junularo. La trimonata periodaĵo uzas Esperantajn fontojn kaj pritemas ankaŭ la E-komunumon, "el nepropaganda vidpunkto". El ĝiaj 500 ekzempleroj 250 iras al kolektivaj, 50 al individuaj (ne nur e-istaj) abonantoj; 100 sendiĝas al kulturaj asocioj, bibliotekoj kaj lernejoj; al magazin-vendejoj estas distribuataj 100.

### Libroservo eknavigas

"Orbis pictus" de Višnja Branković (Via Leghissa 6, IT-34131 Trieste, Italio; tel. +39/40/767-875) celas esti pli ol kutima libroservo. Baptita laŭ la titolo de Komenia verko, ĝi promesas ne nur vendadon, sed ankaŭ "libroprezentadojn, literaturajn vesperojn, renkontiĝojn kun verkistoj, diversajn seminariojn, fojfoje ankaŭ vojaĝojn direkte al la libro kaj al kulturaj eventoj". La premiera prezentiĝo de la libroservo okazis la 26-an de septembro surŝipe, kadre de aranĝo de Mantua E-Grupo.

### *La Domo*: Konstrue, fake

*La Domo*, trimonata organo de Tutmonda Asocio de Konstruistoj E-istaj (RN 83, Rue de Tiefenbach, FR-68920 Wintzenheim; ĉefred. Edmond Ludwig) aperas en 800 ekz-oj. En la januara n-ro artikolo pri la rolo de koloroj en reklamado najbaras priskribon de mendebla budo por prezenti E-on. J-P. Cancel raportas pri kolokvo organizita de TAKE kaj de Orientfranca E-Federacio en oktobro, kie kunvenis gvidantoj de la komerca-ekonomia fakasocio IKEF kaj de la franca landa asocio.

TAKE atendas *bonkvalitajn* mallongajn vidkasedojn pri E-o kaj pri entreprenoj utiligantaj E-on, kiujn la sola nur-ekonomia televidkanalo de Francio, la kabla Canal E, pretas enprogramigi. Canal E, kiu havas 50 mil spektantojn, jam dissendis 10-minutan intervjuon pri TAKE.

### Skoltado: 75 jaroj

Skolta E-Ligo fariĝis 75-jara en 1993. La jubilea numero de ĝia organo, *La Skolta Mondo*, riceveblas kontraŭ du respondkuponoj aŭ mondonaco (UEA-konto "selx-m"), sed ankaŭ eĉ senpage, ĉe la redaktoro: A. M. Ritamäki, Peltolavägen 6 B 36, FI-20720 Åbo, Finnlando.

### Amikiĝu kun *Juna Amiko*

"La sola ne-loka revuo en Hungario kiu travivis la transformojn" skribas redaktoro Stefan MacGill pri sia *Juna amiko*. La kvaronjara, 32-paĝa eldonaĵo liveras legaĵojn, grup-ekzercojn, ludojn kaj korespond-adresojn al lernantoj kaj komencantoj. Malgraŭ relative nealta abonprezo (16 gld. ĉe UEA), ĝi restas praktike nekonata en pluraj movade fortaj landoj, kiel la Beneluksaj ŝtatoj, Germanio, Finnlando kaj Svisio. Pli da okcidentaj abonoj fortigus la pozicion de *JA*, kies eldonkvanto malgrimpis de 2500 en 1992 al 2000 pasintjare.

### Kelklinie pri . . .

Pro sia varia temaro (de tipaj lokaj viandaĵoj ĝis milit-aviadiloj), *Debrecena Bulteno*, dumonata revuo el Hungario, estas frandaĵo eĉ por terminologoj (red. Tibor Papp, Trombitás u. 12, HU-4031 Debrecen) . . . La premiera numero de *Earth Citizen News* ("Mondcivitanaj novaĵoj", Box 367, Moscow, VT 05662 Usono) prezentas E-on sur tuta paĝo kaj presas siajn rubriktitolojn en la angla kaj Esperanto . . . Krom membroj kaj simpatiantoj de la Kastora Klubo, ankaŭ interesiĝantoj pri "parapsikologio, religioj, strangaj kaj misteraj aferoj, pri nekonata mondo" aprezos la jarkvaronan *Agape*, kiun redaktas Barbara Chmielewska, ul. Puławska 3 m 11, PL-02-515 Warszawa, Pollando.

# Loke



### Argentino: Informi per ĉinaĵoj

Argentina, ĉina kaj E-flagoj invitis en Venado Tuerto al la ekspozicio "Ĉinio kaj E-o" (26-28 nov.), kiu prezentis materialojn pri Ĉinio, akiritajn per E-o. La "malrekta propagando" efikis: kelkaj vizitantoj anoncis sian partoprenon en E-kurso ekde januaro. (*Argentina E-isto*)

### Belgio: E-Domo en Bruselo?

Pro malavara aĉeto de A. Mertens Goossens, Bruselo disponos pri E-centro en urbomeza bulvardo ekde necerta dato en 1994. Post kompleta renovigo, Mertens ludonos la tri suprajn etaĝojn al individuoj (prefere e-istaj) por havi konstantajn enspezojn, kaj aliajn partojn al E-grupoj. Belga E-Federacio, Internacia Ligo de E-istaj Instruistoj, Eŭropa E-Unio kaj -Klubo kaj la brusela grupo jam montris interesiĝon. Serĉata estas domprizorganto, kiu mem loĝus tie. (*Vertikale*)

### Brazilo: Prelegu marborde

La 30-a Brazila E-Kongreso okazos inter la 10-a kaj 15-a de julio en Natal, marborda ĉefurbo de provinco. Eksterlandanoj aparte bonvenas, ankaŭ por prelegi lige al la kongrestemo "E-o: aliro al lingvoj kaj kulturoj". La organizantoj faros ĉion por faciligi turismajn vojaĝplanojn. Bv. sendi preleg- kaj vivresumojn, vojaĝoskizojn al la LKK ĝis fino de marto (C.P. 291, BR-59001-000 Natal).

### Ĉeĥio: Tradicia omaĝo

90 personoj (trione eksterlandanoj) aŭskultis, kadre de la 6-a Internacia Kultura Festivalo en Ústí nad Labem (1-3. okt.), prelegojn i.a. de Joachim Giessner pri E-o en la internacia fervojtrafiko, de Michael Behr pri "nova realismo", de Jaroslav Mráz pri la poeto J. Neruda kaj pri astronomio, kaj de Jaroslav Mařík pri F.V. Lorenz. Mařík kaj Vlastimil Novobilský rememoris la verkistojn Jiří Kořínek (1906-1988) kaj Tomáš Pumpr (1906-1972), kies naskiĝdatrevenon la festivalo tradicie omaĝas. (*Informilo*)

## Hungario: Kvar konkursoj

Ĉ. 100 lernantoj partoprenis art-tradukan konkurson, kiun la ILEI-Komisiono pri Lernejaj Konkursoj (Géza Kurucz, Gimn. Julia Bányai, HU-6000 Kecskemét) aranĝis jam la trian fojon, proksime al la oktobra naskiĝtago de K. Kalocsay. Inter 10-14-jaraj geknaboj gajnis Nora Györkös kaj Kornelio Kiss (Pápa), inter 15-18-jaruloj Tomaso Dinók (Kecskemét).

La komisiono krome gvidas tri konkursojn: la internaciajn I. Szerdahelyi (konstanta poento-kolekta) kaj Ivo Lapenna (pri modela E-parolo), kaj la landan deklam-konkurson honore al Julio Baghy.

## Koreio: Jubilea kongreso

187 homoj kunvenis por la 25-a E-Kongreso en Seulo la 16-17-an de okt. Apud riĉa programo kultura kaj distra, en la laborkunsidoj oni instigis al japan-koreaj renkontiĝoj ankaŭ por mezaĝuloj kaj maljunuloj, kaj al pli da profitdonaj E-aktivaĵoj. La kongreson telegrame salutis Lee Mansup, prezidanto de la nacia parlamento. (*La Espero el Koreio*)




**Japanio:** La porvirina altlernejo Sanyo (Okayama) okazigis aŭtunan kulturan teston, kiun partoprenis Esperanto-klubo (sur la bildo) per la temo "tradiciaj muzikiloj tra la mondo".

## Kroatio: Kultura kunlaboro

La 29-an de nov. multnombra publiko (i.a. sep ambasadoroj) povis ĝui ĉe Internacia Kultura Servo (IKS, Zagrebo) plurlingvan – i.a. Esperantan – prezenton de la poemo "Amo estas taso da kokidsupo" de Yüksel Söylemez, nova turka ambasadoro en Kroatio.

Okaze de eŭropa restado de irana kultura vicministro Ali Janati, IKS renkontigis lin, la 18-an de dec., kun kulturaj agantoj el Kroatio. Aperis plano pri reciprokaj "kulturaj tagoj". Iranaj diplomatoj ekatentis pri IKS pro la perslingvaj paĝoj en *Izolulo*, kroata poemaro tradukita en multajn lingvojn pere de E-o. (S. Štimec)

## Kubo: Traduk-simpozio

Pli ol cent diverslandaj fakuloj, inter kiuj la kubaj e-istoj Alberto García Fumero kaj Andrés Rodríguez González, partoprenis en Havano, inter la 23-a kaj 25-a de nov., la 3-an Simpozion de Literatura Tradukado. La prelego de Rodríguez González donis okazon paroli pri la ĉefaj trajtoj de E-o kaj de literatura tradukado al ĝi. (A. Rodríguez González)

## Srilanko: Skolta skribemo

En Srilanko formiĝis e-ista skolta grupo. La 12-15-jaraj anoj ŝatus ricevi ĉiajn e-aĵojn kaj korespondi kun skoltoj. Adreso: U. Zeiter Perera, 197 Indivitiya Road, Hettigama, Ja-Ela, Srilanko. (*La Skolta Mondo*)

# *Fake*




## Ekologio: Subskribu por Cousteau

"La venontaj generacioj rajtas je Tero sendifekta kaj neinfektita . . ." Tiel komenciĝas alvoko "protekti la rajtojn de la venontaj generacioj", kiun lanĉis la franca maresploristo Jacques-Yves Cousteau kaj lia skipo. Por la peticio, kiun SAT-Amikaro (67 av. Gambetta, FR-75020 Paris, Francio) e-igis kaj sendas kontraŭ 1 respondkupono, oni kolektas subskribojn ĝis septembro 1994.

## Etnismo: Prelegvojaĝo

István Kabók (Jugoslavio) prelegis dum kvar novembraj kaj decembraj semajnoj en E-kluboj de Germanio kaj Benelukso pri la situacio de la hungara malplimulto en Vojvodino, norda regiono de Jugoslavio. Lia turneo estis la unua vasta prelegvojaĝo organizita de Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj.

## Ĵurnalismo: Jarlibro

Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio aperigis 64-paĝan jarlibreton, kiun nemembroj povas aĉeti por 10 germanaj markoj (Stefan Maul, Pferseer Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio). Ĝi enhavas i.a. liston de la 158 membroj, 190 adresojn de E-periodaĵoj, priskribon de 64 E-revuoj kaj de kelkaj radiostacioj.

## Katolikismo: E-mesoj

Esperantaj mesoj okazos en la katedralo de Speyer (Germanio) la 27-an de feb., la 24-an de apr., la 26-an de jun., la 28-an de aŭg. kaj la 30-an de okt., ĉiufoje je la 15-a horo. (A. Kronenberger)

## Komerco: Mil kaj unu

La firmao Zónai kaj Ko (p.k. 331, HU-6501 Baja, Hungario), kiu havas e-istajn reprezentantojn en 23 landoj, eldonas ĉiumarde la hungaran-Esperantan komercan bultenon *1001*,

kun ofertoj de diverslandaj entreprenoj. Prepariĝas ĉinlingva kaj angla-E variantoj. (*Eventoj*)

**Literaturo: Kalocsay-libro**

La Budapeŝta distrikto kie Kalocsay loĝis, apogas aperigon de ĉ. 60-paĝa hungarlingva dokument-libro, laŭ sinoptika tabelo de Ada Csiszár, elironta en 1994.



**Masaĝo: Kurso tuj en Ĉinio**

La libro de Saionji Masayuki pri lia koksosto-ĝustiga "Diina Masaĝo" (aŭ "Yumeiho") aperis lastan aŭtunon ankaŭ en la persa, en el-Esperanta traduko de Azar Karimi kaj Rahmat Firuzi (jen la kovrilo). La e-ista eldonisto, Behruz Atai, invitis la aŭtoron por lanĉa ceremonio, kiun ĉeestis 40 iranaj e-istoj.

La 13-an de sept. Masayuki prezentis, per Esperanta interpreto, sian metodon jam en la urba hospitalo de la ukrainia ĉefurbo Kievo al 70 personoj, kaj la 9-an de okt. li instruis 130 fakulojn en la ĉina Jiaoxing.

Lernantoj el ĉiuj landoj bonvenas al lia dusemajna internacia kurso pri Diina Masaĝo (kaj, paralele, al plurnivelaj E-kursoj gvidataj de Reza), kiu okazos en marto same en Jiaoxing (proksime al Ŝanhajo). Kontaktu Masayuki ĉe: IIPMP, C.P.O. Tokyo, Box No. 405, 100-91 Japanio; tel./faks +81/3/38-33-34-90.

**Radio: Pli en Pekino kaj Pollando**

Radio Pekino (Esperanto-sekcio de CRI, CN-100866 Beijing) planas lanĉi novan E-elsendon, direktitan al Pekino kaj ĝia ĉirkaŭa regiono, por faciligi al ĉinaj e-istoj la lernadon. Enlandaj elsendoj ĝis nun ekzistas en la angla, japana, germana, franca kaj hispana.

Pola Radio (E-Redakcio, P.O. Box 46, PL-00-950 Warszawa) havas novan kunlaborantinon: Ewa Krach. Ŝi pretigas magistrigan disertaĵon kaj petas kunlaboron de e-istoj pri proverboj en ties naciaj lingvoj.

**Radioamatoroj: Salutu Bharaton**

Bangalora E-Centro propagandos E-on dum tutlanda radio-amatora kongreso en Bharato (9-10 apr., Bangalore). Bv. afable sendi tiam, per via radio-aparato, mesaĝon aŭ kuraĝigon en E-o per 7090 KHz (40 m) aŭ 14160 KHz (20 m). Voksigno: VU2NRJ. (S. S. Pradhan).

**Sekso: Kataluna kunveno**

Inter la 30-a de okt. kaj la 1-a de nov. la tria diskut-kunveno de Kataluna E-Junularo en Sant Celoni, pri "Sekso kaj Esperanto", ampleksis la prelegojn "Tabuaj vortoj en E-o" (Hèctor Alòs), "Originala erotik-tema literaturo" (Antonio Valén), "Aidoso" kaj "Samseksamo" (Helmut Brath), "La pornografia arto" (Georgo Kamaĉo), "La amkantoj de Ausias March" (Abel Montagut) kaj "La genetika bazo de seksa konduto" (Marco Esteban). Menciindas krome afrodiziaj manĝoj kaj projekciado de praaj pornografiaj filmoj. (*Boletín*)

**Teatro: BET 35-jara**

Bulgara E-Teatro festis sian 35-jariĝon en la Hungara Kultura Instituto de Sofio la 14-an de dec.

**Tradukado: En FIT-revuo**

En sia n-ro 1-2/1993 la revuo *Nouvelles de la FIT — FIT Newsletter* de la Federacio Internacia de Tradukistoj aperigis anglalingvan artikolon "Translation of Esperanto Literature into National Languages" (Nacilingva tradukado de Esperanto-literaturo) de Willem Verloren van Themaat pri samtema seminario (vd. 1992 dec., p. 208).

**Universitatoj: Brazila E-kurso**

Prof. Geraldo Mattos gvidos de marto ĝis decembro superan universitatan kurson "Esperanto: lingvo kaj historio" en la sidejo de Paraná Esperanto-Asocio (Al. Cabral 9, 80410-210, Curitiba-PR). Nebrazilaj partoprenantoj rajtas senpagan gastigadon.

## Enketo gastama

Vicprezidanto de E-Instituto ĉe Dankook-Universitato kaj ĉefdelegito de UEA, Ma Young-tae enketas pri la gastamo de e-istoj, por uzi la rezultojn en sia informada laboro. Sendu kelkajn frazojn pri viaj gastigaj kutimoj kaj pri via preteco helpi alilandajn e-istojn (indikante viajn nomon, loĝlokon kaj eduknivelon) al: Ma Young-tae, Esperanto-Instituto, Dankook-Universitato, 8 Hannam-dong, Seoul – 140-714, Korea Resp.

# Persone



**Marx: Eks-SAT-ano**

Karl Marx telefonis al la Libera E-Asocio de Germanio, en pasintjara junio, por oferti siajn interesajn E-materialojn. Tiuj devenas el la 30-aj jaroj, kiam li estis SAT-membro kaj prezidanto de la E-klubo en Neuss. Kvankam Gestapo konfiskis en 1936 lian ampleksan kolekton de E-literaturo, post intensa protesto li rericevis preskaŭ ĉion.

Kiel rimarkeble, Karl Marx ne estas la fama filozofo, sed 87-jara germano, e-isto de 65 jaroj. (*SAT-Amikaro*)

**Scalfaro: Prezidenta parolado**

*L'Esperanto* publikigis itallingvajn fragmentojn el parolado kiun la nuna ŝtatprezidanto, Oscar Luigi Scalfaro, faris en 1987, invitite de sia amiko Mario Sola (UEA-delegito en Vercelli) antaŭ E-kunveno en Verbania. Tiutempe ministro pri internaj aferoj, Scalfaro rakontis pri sia emocio vidante diverslandajn surdmutulojn libere komuniki dum internacia kongreso, kaj diris: "La lingvo [Esperanto] ne solvas en si mem la problemojn, sed ĝi celas doni al la homo rimedon por pli facile dialogi."



# Nekrologoj

**Léa BERNAERTS-TOUSSAINT** (1894-1993) forpasis en la aĝo de 99 jaroj en Kempen (Belgio). Ŝi lernis E-on en 1908, en lernejo, estis plurajn jarojn delegito, kaj ankoraŭ partoprenis la Jubilean UK.

**Grete BREUNLICH** (1903-1993) mortis la 29-an de oktobro en Vieno. Dumviva membro de UEA, ŝi tradukis *Skizoj* de P. Altenberg (1980), kuntradukis *Anatol* de A. Schnitzler (1983) kaj financis diversajn eldonaĵojn.

**Inés GASTON** (1906-1993) forpasis en Zaragozo la 25-an de septembro. Filino de e-isto, ŝi aktivis ekde 1954. Estante sekretario de Hispana E-Federacio kaj redaktoro de ties *Boletín* inter 1962 kaj 1970, ŝi fondis la bibliotekon kaj eldonan fakon de HEF. En 1968 ŝi kunorganizis la 53-an UK en Madrido. Inter 1976 kaj 1980 ŝi redaktis *Horizonto*, organon de Neŭtrala E-Movado.

**Jan HANSSENS** (1922-1993), delegito en Kortrijk (Belgio) kaj fakdelegito pri filmado, lastatempe prizorganto de la valora loka E-biblioteko, forpasis la 27-an de novembro.

**Nelson HILL** (1912-1994), multjara membro kaj delegito, fondinto de E-klubo en sia urbo kaj Cseh-metoda instruisto, forpasis la 3-an de januaro en Velingtono (Nov-Zelando).

**Maurice MERGER** (1924-1993) pereis la 13-an de decembro en hungaria aŭto-akcidento. E-isto de 30 jaroj, li estis tre aktiva membro de Mondpaca E-Movado kaj de la franca E-ista Federacio de Laboro, ofta artikolanto en *Le Travailleur Espérantiste* de ĉi lasta.

**Wessel J. NIJVELD** (1913-1993) mortis la 18-an de decembro en Amsterdamo. Internacie rekonata specialisto pri farboj kaj vernisoj, li estis kunaŭtoro de *Plena Ilustrita Vortaro* pri kemio, fakdelegito pri la sama fako dum 50 (!) jaroj kaj membro de Akademio Internacia de Sciencoj.

**Oton PANCER** (1907-1994) mortis en Zagrebo la 15-an de januaro. Specialisto pri ekonomio de agrikulturo, li profesoris pri sia fako en la universitatoj de Sarajevo kaj Zagrebo, publikigis librojn kaj studojn en pluraj lingvoj, kaj tradukis *La vivo de la plantoj* de Neergaard en la kroatan (1959). Li kunfondis kaj prezidis (1949-60) E-Ligon de Bosnio kaj Hercegovino, estis prezidanto de Kroata E-Ligo (1963-77) kaj samtempe vicprezidanto de Jugoslavia E-Ligo, servis en pluraj periodoj inter 1959 kaj 1974 kiel komitatano de UEA. Pancer estis senatano kaj sekretario de Akademio Internacia de Sciencoj, kaj plurfoje prelegis en Someraj Universitatoj pri sia fako.



*Oton Pancer*

**Bertram POTTS** (1895-1994) mortis la 2-an de januaro en Lower Hutt (Nov-Zelando). E-isto ekde 1912, li estis prezidanto (1938-48), poste dumviva honora prezidanto de Novzelanda E-Asocio, redaktoro kaj recenzanto de ties revuo (1944-64). En 1956-57 li vojaĝe prelegis en 11 eŭropaj landoj pri la prahistorio de Nov-Zelando.

Dumviva membro kaj plurjardeka fakdelegito de UEA, li estis tutmonde konata precipe kiel verkisto. Li aperigis la legolibron *Progress Esperanto Reader* (1940), la novelajn volumojn *Nokto da timo* (1971), *La nova butikisto de Nukugaia k. a. noveloj* (1978) kaj *Kaverno apud la maro* (1985), la edukcelan *Facila skeĉalbumo* (1984), tradukon de la romano *Infanoj de la malriĉuloj* de John A. Lee (1972) kaj *Poezia bukedo por geknaboj de la mondo* (1978).

Lia edzino dum 73 jaroj, **Mary E. POTTS** (1897-1993), forpasis la 9-an de decembro.

**Marc ROHRBACH** (1904-1993) forpasis la 17-an de oktobro en Ĝenevo (Svisio). Konata en franclingvaj landoj kiel verkanto pri vivogvidado kaj kiel fondinto de la movado JEAN, en la 70-aj jaroj li estis konsilisto de Kultura Centro E-ista en La Chaux-de-Fonds. Lia didaktike originala "Rika metodo" taŭge enkondukas la lernadon de E-o.

**Hans SCHÜTT** (1908-1993), tra 37 jaroj fakdelegito pri komerco, regula membro de Societo Zamenhof, forpasis en Hamburgo (Germanio) la 2-an de decembro.

**James H. SULLIVAN** (1913-1993) mortis la 26-an de decembro en Urmston (Britio). E-isto dum 60 jaroj, li fondis en 1958 la organizon Geonkloj E-istaj kaj poste Kastoran Klubon, kiuj helpas infanojn utiligi sian E-scion. Li estis delegito dum pli ol duona jarcento. Plentempa E-instruisto en duagrada lernejo, Sullivan aŭtoris i.a. rakontojn por geknaboj (*La junaj detektivoj*, 1953, *La junaj trezorserĉantoj*, 1968, *La longa marŝo*, 1968) kaj du novelarojn: *La vualo de l' tempo*, 1985, kaj *Sub influo de alkoholo*, 1991.

**Sven SUNDIN** (1914-1993), vicdelegito en Växjö (Svedio), mortis lastatempe.

**Reuben A. TANQUIST** (1897-1993) forpasis en Portland (OR, Usono) la 14-an de novembro. En 1927 li defendis la unuan socio-psikologian tezon verkitan pri esperantistoj.

**Jacob TENSEN** (1901-1994), longtempa delegito kaj aktivulo en Amsterdamo (Nederlando), mortis la 14-an de januaro.

**Friedrich VOLK** (1894-1993), dumviva membro de UEA, honora membro de Germana E-Asocio, multjara gvidinto de la E-grupo en Würzburg, mortis en la komenco de decembro, 99-jara.

# Oficiala informilo

NOVAJ DUMVIVAJ MEMBROJ
Germanio: Věra Barandovská. Japanio: Kogani Mariko; Nakamura Masami. Taĝikio: Lena Karpunina.

NOVJORKA OFICEJO DE UEA
PATRONOJ (minimume $100): Japanio: Nobuo Sakurai.
SUBTENANTOJ (minimume $25): Nederlando: Edwin Burg. Svedio: Amy Nilsson. Usono: Dale Alan Diefenbach.
AMIKOJ (minimume $10): Aŭstralio: Owen Loneragan. Usono: Hope Smith; Ann C. Sommers.

PATRONOJ DE TEJO 1994
Aŭstralio: Max Wearing; Idyss Einihovici. Belgio: Elvire De Coene. Finnlando: Irja Klemola. Germanio: Franz Knöferl; Ottmar Jareb; Thomas Bormann. Francio: Alain Pialla; Christine Graissaguel; Pierre Cheynet; Paulette Naulet; Richard Cash. Israelo: Jehoŝua Tilleman; Josifa Rabino. Italio: Carla Sfardini; Lidia Neri Lami; Gianfranco Polerani. Japanio: Hirotugu Hukumoto; Hiroo Kodama. Luksemburgio: André Ruysschaert. Nederlando: F.J. Pieterson-Kruger; Louise Adelaar. Svedio: Kerstin Kristoferson.

SOCIETO ZAMENHOF 1994
Belgio: Elfriede Ernst; L. Drèze. Brazilo: Marija Pozder Almada. Britio: Sybil V. Sly. Danlando: Ejnar Hjorth. Finnlando: Irja Klemola. Germanio: Harry Bily; Elfriede Kruse; Elise J.F. Woller; Helmut Welger; Helmut Klünder; Marieta Moschner; Richard Schulz; Peter Weide. Francio: Louise Marin; Odette Bernet; Julien Ducrocq; Raymonde Perault. Italio: Lidia Neri Lami. Japanio: Kyôhei Nakazima; Kôiti Simizu; Syôiti Satoo; Takeo Sugano; Toyozo Nisikawa. Korea Resp.: Yung-myung Kim. Luksemburgio: Brian R. Moon; Claude Nourmont. Nederlando: Dini Kappert; Mag. G.F. Makkink; G.T. Knol; Louise Adelaar. Svedio: Amy Nilsson; Gustav Nygård; Henrik Karlsson; Leif Holmlund; Tore Johansson. Usono: Alberta Seabold Casey; Gigi Harabagiu; Humphrey Tonkin; Jane Edwards.

DONACOJ 1993 (gld.)
ĝis la 31-a de decembro
(La tutjaraj sumoj indikas ne la staton de la koncernaj kontoj/fondaĵoj sed la sumon de la donacoj en 1993.)

**Fondaĵo Afriko:** Anonime 50,00. Brazilo: R.F. da Silva 61,17. Germanio: FAME-fondaĵo 392,64. Nederlando: W.P. Roelofs 500,00. Sumo tutjara 7407,08.
**Fondaĵo Ameriko:** Finnlando: L. Oterma 24,68. Sumo tutjara 1504,40.
**Fondaĵo Azio:** Anonime 50,00. Sumo tutjara 1035,00.
**Bjalistoka E-Centro:** Svedio: A. Nilsson 45,59. Sumo tutjara 165,95.
**Konto Ĉinio:** Nederlando: E. Burg 100,00; M.H. Erasmus 50,00; N. Moerbeek-Bartels 85,00; E-Klubo Nijmegen 262,00. Sumo tutjara 1482.
**Biblioteka Fondaĵo:** Germanio: FAME-fondajo 112,10. Diversaj malgrandaj 4,33. Sumo tutjara 1232,17.
**Fondaĵo Canuto:** Finnlando: S. Myntinen 329,00. Francio: S. Amariglio 32,25; J.J. Aumeunier 51,60; C. de Coudenhove 64,50; L. Goude 96,75; M. Labeille 64,51; M. Massemin 41,94; A. Rispal 32,26; J.-C. Trebouet 32,26. Japanio (por aziaj e-istoj): Y. Akada 354,90; M. Asami 35,49; J. Brozovsky 34,56; A. Isobe 70,98; S. Nagakura 34,56; Z. Nagaoka 70,98; M. Nakatu 34,56; T. Nomura 35,49; Y. Ootuka 69,12. Kanado: P. Hansen 11,56. Nederlando: Anonime 50,00; E. Burg 100,00; G.C.M. Schavemaker 22,00. Svedio: U. Luin 48,00. Sumo tutjara 14 691,02.
**Ĝenerala kaso:** Memore al J. Régulo Pérez 658,76. Memore al Gunhild Tistad 91,20. Belgio: E. Ernst 100,00. Germanio: C. Darbellay 17,53. Irano: M.H. Saheb-Zamani 500,00. Kanado: D. Dufort 28,89. Nederlando: A.E. Moerbeek-Prins 50,00; R. Moerbeek 150,00; E-klubo "Merkurio" 500,00; A.W. Treurniet 42,00. Usono: A. Greenland 15,23. Diversaj malgrandaj 10,10. Sumo tutjara 17 140,50.
**Konto Espero:** Anonime 50,00. Francio: S. Amariglio 32,25; L. Bonnetier 100,00; H. Cortes 41,93; S. Humm 25,78; Y. Salaun 32,26; J.-C. Trebouet 16,13. Sumo tutjara 8189,84.
**Fondaĵo Grabowski** (en usonaj dolaroj): Sumo tutjara 534,46.
**Asocia Kapitalo:** Heredaĵo Werner Simon 9473,75. Anonima donaco 15 000,00. Finnlando: I. Klemola 19 646,63. Sumo tutjara 65 339,72.
**Propaganda Konto:** Nederlando: E. Burg 100,00. Sumo tutjara 4737,60.
**Por Rumanio:** Usono: E. Mustea 100,00. Sumo tutjara 340,89.
**Fondaĵo TEJO:** Nederlando: E. Burg 100,00. Sumo tutjara 312,16.
**Volontula Fondaĵo:** Nederlando: Anonime 50,00. E. Burg 100,00. Sumo tutjara 943,00.
**Fondaĵo Wüster:** Sumo tutjara 35,48.

**Al ĉiuj tre koran dankon! UEA**

# Jen la ĉefverko!




**Pli ol 3200 eroj sur 160 paĝoj**

La katalogo estas sendita senpage al la regulaj klientoj de la Libroservo de UEA. Ĉiuj aliaj povas aĉeti ĝin por la prezo de 9 gld. Triona rabato ekde 3 ekz. Aldoniĝas 10% por sendokostoj (minimume 5 gld.) kaj por la klientoj en la Eŭropa Unio 6% por imposto.

# Stelo-moneroj denove haveblaj!

*Universala Ligo transdonis komisie al UEA la tutan restantan stokon de la stelo-moneroj, tiel ke la unika kolekto de tiuj numismatikaĵoj estas denove aĉetebla.*




★ **Kompleto de stelo-moneroj.** Kvar moneroj de 1, 5, 10 kaj 25 steloj. Vidu apartajn priskribojn ĉi-sekve. **Prezo: 75 gld.**

★ **Monero de 1 stelo.** Bronza. Diametro 20mm., dikeco 1,5mm, pezo 3,4gr. Havebla nur en kompleto (vidu ĉi-supre).

★ **Monero de 5 steloj.** Latuna. Diametro 23,5mm., dikeco 1,7mm., pezo 5gr. **Prezo: 4,80 gld.**

★ **Monero de 10 steloj.** Kupronikela. Diametro 28mm., dikeco 2mm., pezo 9gr. **Prezo: 9,90 gld.**

★ **Monero de 25 steloj.** Arĝenta (90%). Diametro 38mm., dikeco 2,5mm., pezo 19gr. **Prezo: 60 gld.**

***Triona rabato ekde 3 ekz. de la sama monero aŭ de 3 kompletoj. Aldoniĝas 10% por afranko kaj (por klientoj el Eŭropa Unio) 17,5% por imposto. Mendu ĉe UEA!***

# per KONTAKTO al PIV!




*jes,* abonante **KONTAKTO** por 1994 vi havos la ŝancon gajni ***Plenan Ilustritan Vortaron de Esperanto!*** TEJO lotumos ĝin inter ĉiuj abonantoj kaj junaj membroj en la 50-a IJK en Ch'onan, Koreio. Ankaŭ aliaj premioj atendas.

***Ne perdu ĉi tiun ŝancon!***

## ABONTARIFO 1994

| *Lando/valuto* | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstralio/dolaro | 30 | Francio/franko | 125 | Nederlando/guldeno | 40 |
| Aŭstrio/ŝilingo | 240 | Germanio/marko | 37 | Norvegio/krono | 145 |
| Belgio/franko | 755 | Hispanio/peseto | 2100 | Pollando/guldeno | 19 |
| Brazilo/guldeno | 19 | Israelo/guldeno | 31 | Portugalio/eskudo | 2300 |
| Britio/pundo | 14 | Italio/liro | 29 000 | Svedio/krono | 160 |
| Danlando/krono | 150 | Japanio/eno | 2880 | Svislando/franko | 31 |
| Finnlando/marko | 115 | Kanado/dolaro | 27 | Usono/dolaro | 21 |